| درس دوازدهم: در باره‌ی نوشیدنی‌ها |
| --- |
| **12-a Leciono: Kion Ni Trinku?** |
|  |
| Plej.multo de nia korpo estas akvo. Kion ni trinku?[1] |

Ĉirkaŭ du tri.onoj de nia korpo estas akvo. Do nia korpo forte bezonas al trink.aĵoj por resti sama kaj sana. Sed kion ni trinku, kaj kiom? Ekzistas tre diversaj opinioj, tamen ĉi tie ni diras la plej komune akcept.itajn ideojn pri trink.ado.

Sen.dube la akvo estas tre taŭga por trink.ado. Ĝi ĉiam ekzistis en la naturo dum la homa historio kaj eĉ la pra.homoj povis plej facile akiri ĝin por sen.soif.igi sin.

La alia natura trink.aĵo estas la lakto. Ĝi estas kaj bon.gusta trink.aĵo, kaj bona nutr.aĵo. La lakto plenas de proteinoj, kiujn forte bezonas nia korpo. Ĝi estas ankaŭ riĉa je kalcio. Nia korpo bezonas kalcion por sia kresk.ado, precipe por la form.iĝo kaj firm.iĝo de la ostoj. Multaj kredas ke ni bezon.egas lakton ne nur dum nia infan.aĝo kaj jun.aĝo, t.e. (tio estas) kresk.aĝo, sed ankaŭ dum la mal.jun.aĝo.

Akir.ado kaj konserv.ado de lakto ne estis - kaj eĉ ankoraŭ ne estas - tiel facile, kiel estas pri la akvo. Unue, ne ĉies lakto estas taŭga por homa trink.ado; due la lakto estas tre nutra ne nur por ni, sed ankaŭ por mikroboj. Do ĝi estas tre facile kaj rapide putr.ema likv.aĵo. Ĝuste kontraŭ tiaj poluci.iĝoj oni pasteŭr.izas ĝin. Lakton oni devas konservi en relative mal.altaj temperaturoj. La putr.inta lakto povas venen.igi la korpon severe.

Teo kaj kafo havas utilajn elementojn, tamen ili ankaŭ en.havas narkot.aĵojn. La teo en.havas teinon kaj la kafo en.havas kafeinon. Do oni neniel devas tro.igi en ilia trink.ado. Ili ne nur ne donas akvon al nia korpo, sed ankaŭ mal.pli.igas la akvon de la korpo.

---

[1] fotoj de interreto.

## کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه Novaj vortoj kaj kun.metoj

aĝo سن jun.aĝo سن جوانی، شباب infan.aĝo سن کودکی، طفولیت

akcepti پذیرفتن akcept.igi قبول کردن، پذیرفتن قبولاندن akcept.ita پذیرفته شده، مقبول

akiri به‌دست‌آوردن akir.aĵo دست‌آورد akir.ita به‌دست‌آمده

bezoni احتیاج داشتن bezon.aĵoj احتیاجات، مایحتاج bezoniĝi لازم گشتن

firma سفت firm.iĝi سفت شدن firm.igi سفت کردن

homo انسان، بشر pra.homoj انسان‌های اولیه hom.aro بشریت، کل انسان‌ها

infuzi دَم‌کردن infuz.ita دم‌کرده(شده) infuz.aĵo (محلولِ) دم‌کرده

kafeino کافِئین sen.kafeina بدونِ کافئین kafein.riĉa سرشار از کافئین

kafo قهوه lakt.o.kafo شیرقهوه kaf.skatolo جعبه‌ی قهوه

kalcio کَلسیُم kalcia کلسیمی، کلسیم‌دار kalci.o.riĉa سرشار از کلسیم

konservi محافظت کردن، حفظ کردن konserv.aĵo کنسرو (ماهی، ...) mem.konservo محافظتِ از خود

kreski رشد کردن kresk.anta درحالِ رشد، رویان kresk.aĵo رستنی

lakto شیر lakt.isto شیرفروش lakt.ejo شیرفروشی

likva مایع likv.aĵo مایع likv.igi مایع کردن

narkota مخدر narkot.aĵoj مواد مخدر narkot.ismo اعتیاد به مواد مخدر

nutri تغذیه کردن nutr.aĵo غذا nutra مغذی

osto استخوان osta استخوانی ost.eto استخوان کوچک

Pasteŭro پاستور (زیست‌شناسِ فرانسوی) pasteŭr.izi پاستوریزه‌کردن Pasteŭr.instituto انستیتو پاستور

pli بیشتر، ـتر pli.igi بیشتر کردن، ازدیاد بخشیدن mal.pli.igi کمتر کردن، کاستن

polucio آلودگی policii آلوده کردن polucia آلوده‌کننده

proteino پروتئین proteina پروتئینی sen.proteina بدونِ پروتئین

putri فاسدشدن putr.ema فاسدشدنی putr.igi فاسد کردن

soifa تشنه soifi تشنه بودن sen.soif.igi رفع تشنگی کردن از

teino تِئین sen.teina بدونِ تئین tein.plena پُر از تئین

teo چای te.taso فنجان چای te.kruĉo قوری چای

tri سه du tri.onoj دو(تا یک)سوم tri.oble سه‌برابر (سوبل)

veneno سم، زهر venen.igi مسموم کردن venen.iĝi مسموم شدن

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Akvo estas la plej …..….. trinkaĵo.
2. La plej ĉefaj trinkaĵoj estas: ……...., ………., kaj ………. .
3. Oni ne devas troigi en trinkado de ……… kaj ………. ĉar ili estas narkotaj.
4. La plej putrema trinkaĵo estas ……… .
5. La plej natura kaj nutra trinkaĵo estas ……… .

Respondu:

1. Kio estas la plej malnova trinkaĵo de la homo?
2. Kiuj trinkaĵoj enhavas narkotaĵon?
3. Kiu trinkaĵo enhavas teinon?
4. Kiu trinkaĵo enhavas kafeinon?
5. Kiom da nia korpo konsistas el akvo?
6. Kion oni faras kontraŭ putro de la lakto?

Skribu:

1. Kiujn trinkaĵojn vi pli ŝatas? Kial?
2. Komparu bonajn kaj malbonajn efikojn de ĉiu trinkaĵo.
3. Kiel ni povas kompreni ĉu la lakto estas sana aŭ ne?
4. Kiel vi infuzas la teon?
5. Kio estis Pasteŭro? El kiu lando?

Diskutu:

1. Kiu trinkaĵo estas pli sensoifiga?
2. Kial lakto estas putrema?
3. Ĉu ni povas vivteni nin nur per likvaĵoj?
4. Ĉu akvoterapio (hidroterapio) estas efika?
5. Kion faras Pasteŭr-institutoj?

## درس سیزدهم: رادیوهای اسپرانتو

## 13-a Leciono: Radioj en Esperanto

Esper.anto estas tre riĉa radie: nur tiu ĉi inter.reta arkivo havas 1440 Esper.antajn program.erojn (en Novembro de 2004).

Por ĉiu viv.anta lingvo certaj komunik.iloj estas bezon.ataj, ekz-e alfabeto, korespond.ado, gazet.aro, radio kaj tele.vido. La du lastaj havas eĉ pli gravan rolon ĉar ili aŭd.igas ankaŭ la pronanc.manieron de la lingvo, kaj tiel povas unu.ec.igi ĝin tra la mondo. Por Esper.anto ĉiuj ĉi rimedoj estas eĉ pli bezon.ataj, ĉar Esparantistoj loĝas tre dise tra la tuta mondo kaj mal.pli ol ali.lingv.anoj havas la okazon ĝui ĉe.estan inter.komunikon.

Radiaj programoj en Esper.anto komenc.iĝis en la jaro 1922. En tiu jaro Usono kaj Anglio komencis la unuajn radiajn el.sendojn. En la posta jaro ankaŭ en Moskvo ekis Esper.antaj radio.programoj. Poste Montrealo kaj Rio-de-ĵanejro komencis tiajn el.sendojn. En la jaro 1924 jam el.send.iĝis Esper.antaj radio.programoj el Prago (ek.de la 31-a de Januaro), Ĝenevo (ek.de la 18-a de Marto), Helsinkio (ek.de la 6-a de Aprilo) kaj Parizo (ek.de la 7-a de Aprilo).

En 1933 entute 83 radio.stacioj el 14 landoj el.sendis 1774 program.erojn en aŭ pri Esper.anto. Tamen, kiam la dua mond.milito komenc.iĝis tiaj el.sendoj mal.pli.iĝis. Post la milito, jam en 1945, ok radio.stacioj el sep landoj re.komencis siajn Esper.antajn programojn. Postan jaron, jam funkciis 12 radio.stacioj en 10 landoj. En 1966 du.dek tri radio.stacioj el 15 landoj el.sendis 2290 program.erojn en Esper.anto.

Hodiaŭ dank' al la inter.reta el.sand.ado de Esper.antaj radio.programoj, oni povas aŭskulti ilin kun tre bona son.kvalito. Por trovi pri la radiaj Esper.anto.programoj vi povas serĉi en la revuoj de Esper.anto, aŭ en inter.reto (pri "esperanto radio programo" ekz-e). Ankaŭ per inter.reto vi povas aŭskulti al multaj Esperanto.programoj, ekz-e per Esperanto Radio Arkivo oni povas aŭskulti al pli ol

1400 program.eroj en Esper.anto el 26 diversaj radio.stacioj de la mondo (serĉu en inter.reto).

Nun oni eĉ planas por el.send.ado de tele.vidaj programoj en Esper.anto pere de inter.reto. Tiel ankaŭ tele.vidajn produktojn en Esper.anto oni povos util.igi tra la mondo kun bona son- kaj bild-kvalito. Tio certe estos revolucia ŝanĝo en la mondo de amas.komunik.iloj, ĉar ĝis nun ĉiuj inter.naciaj el.sendoj de tele.vidaj programoj okazis pere de satelitoj kaj en naciaj lingvoj, kiujn oni ne povas lerni facile – kaj kiujn certe oni ne povas majstri kontent.ige. Tamen, la inter.retaj esperant.lingvaj programoj estos kaj ricev.eblaj sen satelit.diskoj, kaj ties lingvon ĉiu persono povas majstri dum relative mal.longa tempo.

Kiel multaj opinias, la fururo de inter.reto mult.ege helpis kaj helpas al la dis.vast.igo de Esper.anto, ĉar ĝis nun nur la sub.ten.adoj kaj pen.adoj de la popoloj konservis kaj antaŭ.e.n.igis la ideon de Esper.anto, kaj nun inter.reto estas plia rimedo en la manoj de la popoloj por pli.igi la inform.adon pri la Inter.nacia Lingvo. Laŭ ies diraĵo, “Esper.anto kaj interreto estas konstruitaj unu por la alia”. Plej.eble inter.reto progres.igos Esper.anton en la mondo, kaj Esper.anto sia.vice pli facil.igos inter.nacian util.ig.adon de inter.reto por ĉiuj homoj kun diversaj patr.inaj kaj naciaj lingvoj.

### Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

angla انگلیسی (زبان) Angl.io, Angl.ujo انگلستان anglo انگلیسی (فرد)

arkivo آرشیو، بایگانی histori.arkivo آرشیوِ تاریخی arkiv.isto متصدیِ بایگانی، بایگان

antaŭ جلو، پیش antaŭ.e.n به‌پیش antaŭ.e.n.igi پیش‌بردن antaŭ.parolo پیش‌گفتار

bezono احتیاج bezoni احتیاج‌داشتن bezon.aĵoj احتیاجات bezon.ata مورد احتیاج

eble احتمالا، شاید ebla محتمل، ممکن plej.eble به‌احتمال زیاد ebl.ete به‌احتمال ضعیف

esti بودن ĉe.esti حضورداشتن، حاضربودن for.esti غایب بودن ĉe.esta حضوری for.esta غیابی

facila آسان facil.igi آسان کردن facile به‌آسانی facil.igi آسان‌ساختن، تسهیل‌کردن

komenci شروع کردن komenco شروع، آغاز komenc.iĝi شروع شدن komenc.anto مبتدی

milito جنگ mond.milito جنگ جهانی kontraŭ.milita ضد جنگ

okazo فرصت okazaĵo واقعه، اتفاق okazi اتفاق افتادن okaz.igi بر پا کردن

progreso پیشرفت progresi پیشرفت کردن progres.igi پیشرفت دادن progres.inta پیشرفته

reto شبکه، تور inter.reto اینترنت inter.reta اینترنتی

ricevi دریافت کردن ricev.ebla قابل دریافت ricev.anto دریافت کننده ricev.ilo گیرنده

sendi فرستادن، ارسال کردن el.sendi پخش کردن (برنامه) send.anto فرستنده (شخص)

stacio ایستگاه radi.o.stacio ایستگاه رادیویی trajn.stacio, staci.domo ایستگاه قطار (ساختمانِ)
unu یک unua یکمین، اولین unu.eco وحدت، یگانگی unu.ec.igi وحدت بخشیدن
Usono (ایالات متحد) آمریکا uson.ano آمریکایی (فرد) usona آمریکایی
utila سودمند، مفید utilo سود، فایده util.igi استفاده کردن util.ig.ado استفاده، بهره‌برداری
vico نوبت، صف si.a.vice به نوبه‌ی خود en.vic.iĝi به‌صف شدن laŭvice به‌نوبت، به‌صف
vidi دیدن vid.ita دیده‌شده tele.vidi با تلوزیون دیدن tele.vid.ilo تلوزیون (دستگاه)

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Ĉiu …………….. lingvo bezonas havi komunikilojn.
2. Ĉar Esperantistoj loĝas dise tra la ……..……., ili bezonas pli da komunikiloj.
3. Radiaj programoj en Esperanto ………….. en la jaro 1922.
4. Kiam la dua mond.milito komenciĝis Esperantaj radio-elsendoj …………..

Respondu:

1. Kial ĉiu vivanta lingvo bezonas komunikilojn?
2. Kial Esper.anto pli ol aliaj lingvoj bezonas komunikilojn?
3. Kial radiaj kaj televidaj programoj en Esper.anto estas gravaj?
4. Kiom da landoj elsendis Esperantajn radioprogramojn antaŭ la dua mondmilito?
5. Kiom da radiostacioj elsendis programojn en Esper.anto en la jaro 1966?
6. Kiel oni nun povas aŭskulti al la Esperantaj radioj kun bona sonkvalito?
7. La interretaj televidprogramoj kiel diferencas de alilingvaj programoj internaciaj?

Skribu:

1. Aŭskultu al Esperanta radioprogramero, kaj skribu pri ĝi.
2. Kiajn programerojn vi ŝatus aŭskulti el esperantlingvaj radioj?
3. Kio estus viaj plej ŝatataj televid-programeroj en Esperanto?

Diskutu:

1. Kiajn diferencojn havas internaciaj programoj – radiaj aŭ televidaj – kiuj elsendiĝas en Esperanto, kun tiuj en naciaj lingvoj, kiel la franca kaj la angla?
2. Kio pli efikas: radia aŭ teledida programo? Kial?
3. Komparu unudirektajn amaskomunikilojn (radio, televido, …) kun la dudirektaj (korespondado, intrerreto, …)?

## درس چهاردهم: محیط مصنوعی اطراف ما

## 14-a Leciono: Nia Artefarita Medio



La art.e.far.ita medio povas harmoni.iĝi kun la naturo[1]

Kvankam la naturo estas la nask.iĝ.ejo de la homo, tamen nun la plej.multon de nia viv.ado ni pas.igas en art.e.far.itaj lokoj: en la domo, labor.ejo, lern.ejo, vend.ejo, libr.ejo, k.t.p. Do, ia.sence nun la konstru.ita aŭ art.e.far.ita medio estas pli grava por ni ol la natura, ĉar ĝi dum pli longa tempo povas influi sur nia vivo, lernado kaj laboro. Tamen nia art.e.far.ita medio estas en grav.ega inter.ago kun la naturo. Ju pli nia art.e.far.ita medio estas konforma la la naturo, kaj ĝuas bonajn inter.rilatojn, des pli rest.ema, agrabla kaj sana ĝi estas.

La art.e.far.itan medion konsist.igas la konstru.aĵoj kaj la spacoj inter ili. Por havi belan kaj bon.funkcian medion konstru.itan, ni devas util.igi nian scion kaj arton pri arkitekturo kaj urb.desegn.ado. Pere de arkitekturo bonajn kaj belajn konstru.aĵojn ni garantias, kaj helpe de urb.desegn.ado ni povas pli.bon.igi la situon kaj volumenon de la konstru.aĵoj – kaj rilate al la natura medio kaj rilate al la aliaj konstru.aĵoj.

Laŭ.naturaj arkitekturo kaj urb.desegn.ado, estas nia nura rimedo kontraŭ la mediaj problemoj, kiujn ni jam frontas. Ekz-e, se orient.iĝo kaj desegn.ado de konstru.aĵoj estas bone pri.pens.itaj kaj plen.um.itaj, varm.ig.ado kaj mal.varm.ig.ado de la internaj spacoj bezonos minimuman hejt.aĵon. Kaj tio signifas ke multe malpli da poluci.ig.aĵoj est.iĝas en la medio. Samo aŭ similo validas en pli granda skalo, t.e. en urb.desegnaj konsideroj. Konvena mikso de konstru.aĵoj, verdaj spacoj kaj divers.specaj vojoj, povas multe helpi al pli.bon.ig.ado de la mediaj kondiĉoj.

Laŭ.natura, laŭ.klimata aŭ laŭ.media desegn.ado devas esti laŭ la naturaj fenomenoj, kiel klimato, ter.formo kaj sun.lumo. Ju pli konforma estas la desegn.ado kun la natur.aĵoj, des malpli da medi.problemoj est.iĝos.

[1] Fotoj de Sywd-abad-palacoj far la aŭtoro

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

arkitekturo معماری arkitektura مربوط به معماری arkitektur.stilo سبکِ معماری

arto هنر، فن arta هنری art.e.far.ita مصنوعی bel.artoj هنرهای زیبا

desgni طراحی کردن ueb.desegn.ado طراحی شهری desegn.ita طراحی شده

fenomeno پدیده fenomena پدیده‌ای fenomen.iĝi تبدیل به پدیده شدن

harmonio هماهنگی harmonia هماهنگ harmoni.iĝi هماهنگ شدن

interna داخلی، درونی intern.ulo اَنتِرن، دانشجوی مقیم در آموزشگاه intern.ul.ejo محل اقامت اَنترن‌ها

klimato اقلیم laŭ.klimata اقلیمی، هم‌خوان با اقلیم klimat.ologio اقلیم‌شناسی

kondiĉo شرط kondiĉ.aro شرایط kondiĉe به شرطِ

konforma منطبق konforme al منطبق با konform.igi منطبق ساختن

konsideri ملاحظه کردن konsider.ante با در نظر گرفتنِ konsider.ita ملاحظه شده

konstrui ساختن konstru.ita ساخته شده konstru.aĵo ساختمان، بنا

konsumi مصرف کردن konsum.anto مصرف کننده konsum.aĵo مادهٔ مصرفی

libro کتاب libr.ejo کتاب‌خانه libr.o.vend.ejo کتاب‌فروشی libr.oforme به‌شکلِ کتاب

medio محیط medi.protekt.ado حفاظت محیط medi.problemoj مشکلات محیطی

miksi مخلوط کردن miks(.aĵ)o مخلوط miksa مختلط miks.iĝi مخلوط شدن

naturo طبیعت natura طبیعی laŭ.natura منطبق با طبیعت nature طبیعتاً

resti ماندن rest.ema با دوام rest.iva مانا rest.ado اقامت rest.ad.ejo اقامت‌گاه

spaco فضا spaca فضایی spac.o.hava جادار

vendi فروختن vend.ejo فروشگاه vend.isto فروشنده legom.vend.ejo سبزی‌فروشی

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. La naturo estas la ………….. de la homo.
2. Ni pasigas pli multan tempon en la ……….…. medio.
3. Nia artefarita medio estas en grava ………….. kun la naturo.
4. Ju pli laŭnatura desegnado, des ………… da mediproblemoj.
5. Laŭklimata desegnado de la domoj kaj urboj, …………. energikonsumon.

Respondu:
1. Kio estas la konstruita medio?
2. Kiu fako estas pri desegnado de spacoj inter la konstruaĵoj?
3. Ĉu bona arkitekturo nur beligas la artefaritan medion, aŭ ankaŭ havas alia(j)n boneco(j)n?
4. Kiel oni povas malpliigi la konsumiĝon de la hejtaĵoj por varmigi la internajn spacojn?

Skribu:
1. Kiel ni povas plibonigi nian artefaritan aŭ konstuitan medion?
2. Skribu pri la rilatoj inter la konstruita kaj natura medioj.

Diskutu:
1. Kio estas pli grava por nia vivado: la naturaj aŭ la artefaritaj mediaĵoj?
2. Kio estas pli grava por bona vivejo: la arkitekturo aŭ la urbdesegnado?
3. Ju pli ni progresas, ĉu ni estigas des pli laŭnaturajn konstruaĵojn, aŭ des malpli?

## درس پانزدهم: علت پُرخوری

## 15-a Leciono: Kial Ni Tro Manĝemas?

Ĉiuj ni bone scias ke troa manĝ.ado mal.utilas al ni, temen ni ankoraŭ manĝas multe! Kial?[1]

Kvankam multaj homoj scias ke tro.manĝ.ado estas mal.utila por ilia sano, tamen ili ne ĉesas manĝi multe. Krom tio, ili ĉiam deziras manĝi grasajn kaj dolĉajn manĝ.aĵojn, kiuj estas plej danĝeraj por ilia san.stato, kaj tion ili jam bone scias. Kio estas la kialo? Kial ili agas mal.logike kontraŭ sia sano?

Unu respondon prezentas al ni profesoro Robert Winston, nuntempa angla scienc.isto. Laŭ teorio, espim.ita per li, la homo dum plej.multo de sia ekzist.ado sur la tera globo, ne estis certa pri siaj postaj manĝoj, ĉar li ne ĉiam povis trovi aŭ kapti ĉas.aĵon. Li sciis ke dum sen.manĝaj periodoj longaj, la mal.dik.uloj pereis multe pli frue ol la dik.uloj. Do li komprenis ke dik.eco pli.alt.igas la ŝancon por plu.viv.ado, ali.vorte esti dika signifis esti sana kaj rest.iva. Tio ankoraŭ vid.eblas en lingvoj kaj ties proverboj, ekzemple en la persa, post salut.ado oni demandas: **ĉu vi estas dika kaj grasa?** (*ĉaq-o ĉelle-i?*) kio signifas **ĉu vi fartas sane?** Ankaŭ en Esper.anto, la vorto *grasa* signifas kaj *olea (grasohava)* kaj *dika (je graso)*.

Laŭ siaj spertoj la pra.homoj eble sciis ke dolĉ.aĵoj kaj gras.aĵoj dik.igas onin, do ili ĉiam devis manĝi tiajn manĝ.aĵojn kiom eble plej multe. Poste, dum jar.miloj iom post iom tiu devo far.iĝis emo kaj probable tra la genoj atingis al ni. Sekve, hodiaŭ kvankam multaj el ni scias ke:

1. La postaj manĝoj estas certaj;
2. Tro da kalerioj kaŭzas dik.iĝon, kaj ili ĉefe ekzistas en dolĉaj kaj grasaj manĝ.aĵoj;
3. Dik.eco estas ĉefa kaŭzo por multaj mal.san.iĝoj,

tamen, ankoraŭ ni instinkte deziras manĝi multe precipe dolĉ.aĵojn kaj gras.ĵojn, ĉar tia emo jam ekzistas en niaj genoj. Eble samal aŭ similal, ni ankoraŭ timas de sango:

[1] Fotoj de interreto.

por la pra.homoj ek.sang.ado multam signifis baldaŭan mort.iĝon, ĉar la vundo infekt.iĝis kaj la infekto pli.iĝis dum la tempo, kaj fine kaŭzis for.morton. Hodiaŭ kvankam ni scias pri danĝeroj de infektiĝo, kaj ni povas sen.infekt.igi vundojn, tamen ni ankoraŭ timas de sango.

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

alta بلند، مرتفع alte درارتفاع pli.alt.igi بیشتر کردن، بالا(تر) بردن alt(.ec)o ارتفاع، بلندی

ĉasi شکار کردن ĉasisto شکارچی ĉasaĵo (گوشتِ) شکار

danĝero خطر sen.danĝera بی‌خطر en.danĝer.igi به‌خطر انداختن danĝera خطرناک

dika چاق، ضخیم dik.eta کمی چاق، کمی قطور mal.dik.ulo شخص لاغر dik.igi چاق کردن

esprimi بیان کردن esprim.ita بیان شده esprim.anto بیان کننده

genetiko ژِنتیک geneika ژنتیکی genetik.isto متخصص ژنتیک

geno ژِن gena مربوط به ژن gene از طریق ژن

graso چربی، دنبه gras.aĵo چیزی چرب grasa چرب، چربی‌دار، چاق

homo انسان pra.homo انسانِ اولیه hom.aro (کلِ) بشریت hom.eco انسانیت (ویژگیِ انسان‌ها)

infekta عفونی infekt.iĝi عفونی شدن sen.infekt.igi ضدعفونی کردن

instinkto غریزه instinkta غریزی instinkte به‌طور غریزی ĉef.instinkto غریزه‌ی اصلی

kapti گرفتن، اسیر کردن kapt.ita گرفته شده، اسیر kapt.ilo دام، تله، وسیله‌ی گرفتن

ligiko منطق ne.logika غیرمنطقی mal.logika ضد منطق logike منطقاً

manĝi خوردن manĝ.ema پُر خور، شکمو manĝ.il.aro سرویسِ غذاخوری manĝo وعده‌ی غذا

morti مردن mort.iĝi کشته شدن for.morti نیست و نابود شدن morto مرگ

sana سالم re.san.iĝi شفا یافتن san.ig.ilo دوا، دارو san.igi شفادادن، سالم ساختن

sango خون sang.ado خون‌ریزی sangi خون آمدن

vundo زخم، جراحت vundi زخمی کردن vund.iĝi زخمی شدن vund.ita زخمی(شده)

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Profesoro Robert Winston estas ………  sciencisto.
2. La prahomoj neniam certis pri siaj postaj ……….. .
3. ……….. dikigas onin kaj ili pleje troveblas en dolĉaj kaj ……….. manĝaĵoj.
4. Ankoraŭ por multaj personoj dikeceo signifas ……….. .

Respondu:
1. Kial ni tro manĝemas?
2. En kiaj manĝaĵoj pleje troviĝas kalerioj?
3. Kiom pasas ekde kiam multaj homoj certas ke post nuna manĝo, ili disponos pri postaj manĝoj?
4. Kial dikeco signifis sanon precipe por niaj prapatroj?

Skribu:
1. Preparu liston de diversaj manĝaĵoj, kaj skribu ke ĉiu el ili kion pleje havas: proteinon, vitaminon, … .
2. Traduku kelkajn persajn proverbojn en Esperanton pri manĝado kaj/aŭ dikeco.

Diskutu:
1. Kiom da nunaj homoj sur la tero certas pri siaj postaj manĝoj?
2. Kiuj manĝaĵoj estas riĉaj je kalerio, kaj kiuj ne?
3. Ĉu ankoraŭ dikeco signifas sanon por multaj? Por kiuj pli?

<table>
<tr><td colspan="2">درس شانزدهم: اسپرانتو در مسافرت ها</td></tr>
<tr><td colspan="2">16-a Leciono: Vojaĝi per Esperanto</td></tr>
<tr><td></td><td>
</td></tr>
<tr><td colspan="2">Vojaĝi al novaj lokoj estas interese kaj povas esti mal.facile. Esper.anto facil.igas ankaŭ tion.[1]</td></tr>
</table>

Persa proverbo diras:

*Besjar syfyr bajyd ta poĥte ŝyvyd ĥami* (بسیار سفر باید، تا پخته شود خامی)

**Multaj vojaĝoj necesas por ke bakiĝu la nebakit(ul)o**

Sadio (ĉ. 1215- ĉ. 1290) finas la verson per:

*Sufi nyŝyvyd safi ta dyr nykeŝyd ĝami* (صوفی نشود صافی، تا در نکشد جامی)

**La sufio ne puriĝas ĝis kiam li ne fordrinkas el pokalo**

Multaj kredas je bon.efikoj de vojaĝ.ado por la homo. Tamen kia vojaĝo povus esti la plej utila? Ĉu vojaĝo, dum kiu oni ne kapablas direkte inter.paroli kun la loĝ.antoj de la vojaĝ.ataj lokoj, povus al.porti ion indan por la vojaĝ.anto? Se oni iras al lando kaj nur parolas kun hotel.uloj kaj turismaj gvid.antoj, ĉu oni povas akiri sufiĉan informon kaj kompletan bildon pri la lando kaj land.anoj?

Niaj mistik.uloj kiam diris ke la vojaĝo estas tre necesa kaj bezon.ata por la homo, eble intencis sia.lingv.aĵe pri *syfyre dyr ynfos ny afaq*, t.e. **vojaĝi tra hom(mem)oj ne (tra) horizontoj**. Do povas esti ke ili akcept.emis pri la vojaĝ.suferoj – precipe tiam, kiam oni devis iri piede aŭ rajd.ante tra ne sekuraj vojoj – nur pro renkont.iĝo kun novaj kaj mal.samaj hom(mem)oj. Multaj mistik.uloj nomis la (fizikan) mondon *ĥeŝto gel*, t.e. **adobo kaj koto** mal.grav.ig.ante pri la domoj kaj konstru.aĵoj, do ili certe ne sufer.igis sin per long.egaj vojaĝoj por viziti sen.vivajn kaj sen.spiritajn konstru.aĵojn. Sekve, se ni konvink.iĝas ke viziti la homojn estas grave, ne la lokojn, ni akceptas ke inter.parolo

[1] Fotoj de interreto.

kun aliaj homoj estas la plej grava ating.aĵo de la vojaĝo. Rezulte komuna lingvo estas tre necesa por utila vojaĝo.

Ni scias ke en la mondo ekzistas miloj da lingvoj, kaj la plejmulto de homoj ne povas lerni eĉ kelkajn - aŭ unu - el ili kontent.ige. Tamen pere de facila kaj logika lingvo, kiel Esper.anto, oni povas vojaĝi ĉirkaŭ la mondo sen lingvaj baroj. Nun preskaŭ en ĉiuj landoj ekzistas esper.ant.istoj. Multaj el ili pretas helpi al ali.landaj esper.ant.istoj, kiuj deziras vojaĝi al siaj sam.ide.anoj. Iuj el ili eĉ dispon.igas parton de sia domo senpage al esperant.istoj por tra.nokt.ado. Por trovi iliajn nomojn, adresojn kaj kontakt.informojn, oni povas rigardi en libr.eto titol.ita Parporta Servo. Se vi aper.igas vian nomon en la libr.eto kiel “gast.ig.anto” vi sen.page ricevas la novan el.donon de la libr.eto ĉiu.jare, se ne, vi povas pagi por aĉeti la libr.eton.

Ekzistas alia aparta servo por Esper.ant.istoj nom.ata la Delig.ita Reto. Ĝi estas parto de Jar.libro el.don.ata per Universala Esper.anto-Asocio (UEA), kio havas oficialajn rilatojn kun Unu.iĝ.inta Naci.aro (UN) kaj Unesko. La deleg.itoj pretas respondi al ĝeneralaj kaj fakaj demandoj de esper.ant.istoj. Por ricevi la libr.eton de Pasportan Servo, la Jar.libron de UEA kaj ties aliajn el.don.aĵojn oni povas kontakti kun:

Universala Esper.anto-Asocio
Nieuwe Binnenweg 176,
3015 BJ Rotterdam, Nederlando.
uea@inter.nl.net

### Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

adobo خشت (خام) adoba خشتی adob.konstru.aĵo بنای خشتی

akiri به‌دست آوردن akir.ita به‌دست آمده akir.into به‌دست آورده akir.aĵo دست‌آورد

atingi نایل شدن، رسیدن ating.aĵo دست آورد ne.ating.ebla غیرقابل حصول

bari سد کردن، مانع شدن از baro مانع bar.ita سد شده، مسدود

disponi دراختیار داشتن dispon.igi در اختیار گذاشتن dispon.ebla قابل دست‌رسی

gasto مهمان gast.igi مهمان کردن gast.ig.anto مهمان‌کننده، میزبان

gvidi راهنمایی کردن gvid.anto راهنما turist.gvid.anto راهنمای توریستی

hotelo هتل hotel.ĉambro اتاق هتل hotel.estro رییس هتل

konvinki متقاعد ساختن konvink.iĝi متقاعد شدن konvinka متقاعدکننده

kredo باور، ایمان kredi باور کردن ne.kred.ebla غیرقابل باور kred.anto مومن

lingvo زبان lingv.aĵo زبان (خاصِ کسی یا گروهی) ali.lingv.anoj دیگرزبانان

mistiko عرفان mistik.uloj عُرَفا mistika عرفانی
nokto شب tra.nokti گذراندن شب tra.nokt.ado بیتوته nokt.o.mezo نیمه‌شب
opinio عقیده، نظر opinii عقیده داشتن opoini.sondo سنجش نظرات، نظرسنجی
sekura امن sekur.eco امنیت sekur.igi امن کردن ne.sekura ناامن
sufero رنج suferi رنج بردن از sufer.igi رنج دادن به sen.sufere بدونِ رنج
vojaĝi سفر کردن vojaĝo مسافرت vojaĝ.anto مسافر vojaĝ.agent.ejo آژانس مسافرتی

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Laŭ multaj persaj mistikuloj la ………… estas tre utila por la homo.
2. Plejeble laŭ mistikuloj la celo de vojaĝado estas renkonti aliajn …………. ne viziti aliajn lokojn.
3. En la mondo ekzistas ……………. da lingvoj.
4. Pasporta Servo estas tre utila por ……………, kiuj deziras vojaĝi al aliaj landoj.
5. Delegita Reto de UEA povas respondi al ĝeneralaj kaj …………. demandoj de mondaj esperantistoj.
6. La gastigantoj de Pasporta Servo pretas ………….. sian domon al alilandaj samideanoj por …………… .
7. Se vi estas gastiganto de Pasporta Servo, vi ………… ricevas ĝian libreton.

Respondu:

1. Kial Esperanto estas ideala lingvo por vojaĝado?
2. Se vi ne estas gastiganto, kiel vi povas ekhavi libreton de Pasporta Servo?
3. Kion faras Delegita Reto de UEA?
4. En kiu lando situas UEA?
5. Kun kiuj internaciaj organizoj UEA havas oficialajn rilatojn?

Skribu:

1. Traduku persan literaturaĵon en Esperanton pri vojaĝ(ad)o.
2. Skribu pri unu el viaj vojaĝoj.
3. Al kiuj lokoj vi deziras vojaĝi? Kiel? Kial?

Diskutu:

1. Imagu ke ĉiuj scias Esperanton; kiel tio faciligos internaciajn vojaĝojn?
2. Kiaj estos estontaj vojaĝoj? Per kio? Por kio?

# درس هفدهم: آشنایی با ترجمه به اسپرانتو
# 17-a Leciono: Traduki en Esperanton

## نوشتن کلمات فارسی با حروف اسپرانتو

از آن‌جا که در بسیاری از مواقع – مانند درس قبلی و برخی از درس‌های بعدیِ کتاب حاضر – لازم می‌شود که اسم، کلمه یا عبارتی فارسی در یک متن اسپرانتو و با الفبای اسپرانتو نقل گردد، و از آنجا که در زبان فارسی سه صدای مختلف وجود دارد که در زبان اسپرانتو موجود نیست، در این‌جا سه حرف برای این سه صدا ارائه می شود تا بتوان هر کلمه یا عبارت فارسی را با الفبای اسپرانتو نگاشت:

| | | |
|---|---|---|
| ق یا غ | ع | اَ |
| q | w | y |
| قانون | مانع | اَسد |
| qanun | manew | ysyd |

حال به نگارش کلمات فارسیِ زیر با استفاده از این حروف توجه کنید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| اعتراض | شقایق | غنیمت | سلامتی | منعکس | ابر |
| ewteraz | ŝyqajeq | qynimyt | sylamyti | monwykes | ybr |

تمرین یک: کلمات زیر را که با الفبای اسپرانتو نوشته شده است، بخوانید و با الفبای فارسی بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| qanew | qajeb | fewl | mywni | sorwyt | mysca |
| | | | | | |

تمرین دو: کلمات زیر را با الفبای اسپرانتو بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| معرفت | معشوق | سعدی | اعتماد | منع | شصت‌سیب |
| | | | | | |

## تشدید

به‌جای استفاده از تشدید، حرف موردنظر را دو بار می‌نویسیم:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| شدت | ذرت | محبت | طناز | عناب | ستار |
| ŝeddyt | zorryt | mohybbyt | tynnaz | ynnab | syttar |

تمرین سه: کلمات زیر را که با الفبای اسپرانتو نوشته شده است، بخوانید و با الفبای فارسی بنویسید:

| tyhyjjor | hemmyt | moddyt | mokyrryr | nyvvab | qellyt |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |

تمرین چهار: کلمات زیر را با الفبای اسپرانتو بنویسید:

| تشخص | تکبر | مکدر | خسَت | مُروت | پَران |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |

## حروف غیر ملفوظ

از نگاشتن *عین*، *واو* و *هایِ* غیر ملفوظ – و اصولاً هر حرف غیرملفوظ دیگر – خودداری می‌کنیم:

| عطسه | عاشق | تپه | لاله | خواهر | خانه |
|---|---|---|---|---|---|
| yce | aŝeq | typpe | lale | ĥahyr | ĥane |

تمرین پنج: کلمات زیر را که با الفبای اسپرانتو نوشته شده است، بخوانید و با الفبای فارسی بنویسید:

| aref | erfan | aber | eŝq | ĥiŝ | zymane |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |

تمرین شش: کلمات زیر را با الفبای اسپرانتو بنویسید:

| عابد | خود | سپیده | کاشانه | عُمر | ارابه |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |

## پاسخ تمرین‌ها:

تمرین یک: کلمات زیر را که با الفبای اسپرانتو نوشته شده است، بخوانید و با الفبای فارسی بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| qanew | qajeb | fewl | mywni | sorwyt | mysca |
| قانع | غایب | فعل | معنی | سرعت | مست‌سا |

تمرین دو: کلمات زیر را با الفبای اسپرانتو بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| معرفت | معشوق | سعدی | اعتماد | منع | شصت‌سیب |
| mywrefyt | mywŝuq | sywdi | ewtemad | mynw | ŝyscib |

تمرین سه: کلمات زیر را که با الفبای اسپرانتو نوشته شده است، با الفبای فارسی بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| tyhyjjor | hemmyt | moddyt | mokyrryr | nyvvab | qellyt |
| تحیر | همت | مدت | مکرر | نواب | قِلت |

تمرین چهار: کلمات زیر را با الفبای اسپرانتو بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| تشخص | تکبر | مکدر | خسَت | مُروت | پَران |
| tyŝyĥĥos | tykybbor | mokyddyr | ĥessyt | morovvyt | pyrran |

تمرین پنج: کلمات زیر را که با الفبای اسپرانتو نوشته شده است، با الفبای فارسی بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| aref | erfan | aber | eŝq | ĥiŝ | zymane |
| عارف | عرفان | عابر | عشق | خویش | زمانه |

تمرین شش: کلمات زیر را با الفبای اسپرانتو بنویسید:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| عابد | خود | سپیده | کاشانه | عُمر | ارابه |
| abed | ĥod | sepide | kaŝane | omr | yrrabe |

## درس هفدهم: آشنایی با ترجمه به اسپرانتو

## 17-a Leciono: Traduki en Esperanton

Ĥajjamo kaj Ŝekspiro estas inter la plej famaj poetoj de la mondo, kies ĉef.verkoj tre bone traduk.iĝis en Esper.anton.[1]

Traduk.ado estas arto, kaj tial komput.ilaj aŭ maŝinaj tradukoj ankoraŭ ne estas fid.indaj sen homa revizio.

Bona kaj fidela traduko nur tiam estas ebla, kiam la traduk.anto majstras ambaŭ lingvojn, t.e. la font.lingvon, kaj la cel.lingvon. En la plej bona okazo, unu el du lingvoj estas la patr.ina lingvo de la traduk.anto, do li majstras almenaŭ unu el la du lingvoj. Apenaŭ iu povas lerni alian naturan lingvon tiel bone kiel sian patr.inan lingvon. Do ĉiu.okaze la traduk.anto ne bon.scias unu lingvon, t.e. aŭ font- aŭ cel-lingvon. Tamen Esper.anto ŝanĝas la problemon, ĉar Esper.anton oni **povas** lerni tiel bone kiel la patr.inan lingvon – kaj eble eĉ pli bone ol ĝi. Sekve, se la traduk.anto tradukas inter sia patr.ina lingvo kaj Esper.anto, li povas majstri ambaŭ lingvojn kaj tial li kapablas re.prokukti la originalon en ties plej bona kaj plej fid.inda traduko.

Esper.anto estas ideala lingvo por ke oni traduku en ĝin ĉiujn valorajn verkojn ĉu beletrajn ĉu sciencajn. Jen la kialoj:

1. Esper.anto estas pli facila ol ĉiuj naciaj aŭ naturaj lingvoj, do oni povas el.lerni ĝin ne.kompar.eble pli ralide, pli mal.kare kaj pli facile, kaj poste traduki el sia patr.ina lingvo rekte al Esper.anto.
2. La strukturo de la frazo – aŭ la vort.ordo - en Esper.anto estas la plej varia kaj fleks.ebla, tiel ke ĉiun frazon oni povs aranĝi laŭ ĉiu el la ses diversaj kaj eblaj ordoj, tio estas: SVO, SOV, VOS, VSO, OVS, OSV, kie S stras por Subjekto, V por Verbo kaj O por Objekto.

[1] Foto de interreto.

3. La vort.stoko de Esper.anto estas la plej granda, kvankam la parker.endaj vort.eroj estas tre mal.multaj relative al la vortoj de la naturaj lingvoj. La nombro de la Esper.antaj radikoj estas ĉirkaŭ 15,000, tiu de fin.aĵoj 11, kaj tiu de afiksoj ĉirkaŭ 70. Do la tuta nombro estas mal.pli ol 15100, sed per tiuj ĉi vort.eroj oni povas tre facile fari milionojn da vortoj.
4. Se en iu natura lingvo ekzistas vorto, kies signifon oni ne povas esprimi per jam ekzistantaj vort(er)oj de Esper.anto, oni povas importi la vorton de tiu lingvo en Esper.anton nur modif.ante ties ortografion laŭ la alfabeto kaj fonetika sistemo de Esper.anto. Pere de la import.ita vorto kaj helpe de la Esper.antaj vort.eroj oni povas fari multajn novajn vortojn, kiuj eble ne ekzistas en la fonto.lingvo mem.
5. Cele al fonetika bel.son.eco kaj traduk.ado de poezio en Esper.anton, multo estas ebla helpe de la 16-a regulo de Esper.anto (La baza regul.aro de Esper.anto en.tenas nur 16 regulojn). Ekz-e, la nombro de silaboj en ĉiu verso estas ne.imag.eble vari.ebla, ĉar ĉiu substantiva finaĵo (—o) povas elizi.iĝi kaj anstataŭ.iĝi per apostrofo (—'), kaj la samo povas okazi ankaŭ por la vokalo de ĉiu artikolo (la), kaj transformi ĝin al senvokla vorto (l').

Ĝuste pro tiaj kialoj ĝis nun oni jam tradukis abunde kaj tre bone el multaj lingvoj al Esper.anto. La unuaj tradukoj fakte plen.um.iĝis antaŭ la publik.iĝo de Esper.anto mem! D-ro L.L. Zamenhof (1859-1917) mem tradukis beletrajn ĉef.verkojn en la est.ontan lingvon por provi kaj altigi ĝian kapablon. Ekzemple li tradukis faman verkon de Ŝekspiro (1564-1616), *Hamleto, Reĝ.ido de Dan.ujo* verk.ita ĉ. 1620 kaj el.don.ita en Esper.anto en 1894. Hodiaŭ ekzistas multaj antologioj de diversaj lingvoj en Esper.anto. Ekzemple: *Antologio de la Serba Parola Literaturo, Antologio de la Serba poezio, Antologio de Portugalaj Rakontoj, Antologio Latina, Ĉina Antologio, Hungara Antologio, Itala Antologio, Germana Antologio, Rumana Antologio, Angla Antologio, Franca Antologio*, k.t.p. La *Angla Antologio 1000-1800* entenas verk(er)ojn de multaj famaj verk.istoj kaj traduk.istoj. Jen parto de *Romeo kaj Julieta* far Ŝekspiro traduk.ita de R. Rossetti (1909-1994) cit.ita el la *Angla Antologio*:

Julieta:
Mi jam forgesas kial mi vin vokis.
Romeo:
Mi staru tie ĉi, ĝis vi memoros.
Julieta:
Mi plu forgesos, por ke plu vi staru,
re.memor.ante nur, kiel mi amas
vian kun.eston.

Romeo:
Kaj por ke vi daŭre
forgesu, mi rest.ados, forges.ante
ĉiun alian hejmon, ol ĉi tiun.
Julieta:
Preskaŭ matenas; vin mi volus peli,
sed ne pli for ol birdon de bub.ino,
kiu petole lasas ĝin for.salti
el sia mano, kiel en katenoj
mizera karcer.ulo, kaj tuj.poste
re.tiras ĝin al si per silk.fadeno,
pro amo domaĝ.ante la liberon.
Romeo:
Mi volus esti via birdo.
Julieta:
Jes,
mi ankaŭ ĝin dezirus sed, tre eble,
mi vin sufokus, dorlot.ante vin.
Nu, bonan, bonan nokton, kara mia!
Dis.iĝo tiel dolĉas en ĉagreno,
ke diros mi "bon.nokton" ĝis mateno.[2]

Esper.eble iam en la proksima futuro ni havos ankaŭ *Persan Antologion* en Esper.anto. Certe ĝi en.tenos ankaŭ poemojn de grandaj pers.lingvaj poetoj kiel Sadio (ĉ. 1215- ĉ. 1290), Hafezo (1320-1389) kaj Moŭlana (1207-1273). Jen bel.ega vers.duo de Moŭlana, kio en.tenas mondon da signifo en nuraj mal.multaj vortoj:

*Yndiŝeyt ĝaji ryvyd, vangyh tora anĝa keŝyd*
*Zyndiŝe bogzyr, ĉun qyza piŝane ŝo, piŝane ŝo*
**Penso via iras ien, poste tiras vin al tie,**
**Penson devancu, kaj sort.eske antaŭ.iĝu, antaŭ.iĝu**

[2] AULD, W., ROSSETTI, R. Angla Antologio 1000-1800, Rotterdam: UEA, 1957, 319 p., p. 78-9.

### Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

apenaŭ به‌سختی apenaŭa نامحسوس apenaŭ ne تقریبا
celo هدف، مقصد celi هدف قرار دادن cel.o.lingvo زبانِ مقصد cel.ita هدف‌قرارگرفته‌شده
devanci پیشی‌گرفتن davanc.inta سبقت گرفتن، پیشی‌گرفته devanc.ita پیشی‌گرفته‌شده
elizii (حرف) حذف کردن elizio حذف elizi.iĝi حذف شدن elizi.ita حذف شده، محذوف
fidela وفادار fidel.ulo شخص وفادار mal.fidela بی‌وفا، خائن fidele وفادارانه
fidi اعتماد کردن fido اعتماد fid.inda قابل اعتماد senfida بدونِ اعتماد
fonto (سر) چشمه، منبع fonti (el) (از) سرچشمه گرفتن font.o.lingvo زبانِ مبدا یا منبع
majstro استاد، استادکار majstri استاد بودن در، تسلط داشتن بر majstr.aĵo اثرِ هنری
objekto مفعول rekt.objekto مفعول مستقیم ne.rekta objekto مفعول غیرمستقیم
saĝa عاقل mal.saĝa جاهل saĝ.ulo آدم عاقل، دانا seĝe عاقلانه ne.saĝe ناعاقلانه
sorto تقدیر، قضا، سرنوشت sort.eske مانندِ سرنوشت sort.o.ŝanĝo تغییرِ سرنوشت
stoko انبان، انبار stoki انبار کردن vort.stoko انبانِ واژه
strukturo ساختار struktura ساختاری strukturi ساختار بخشیدن به
subjekto فاعل subjekta فاعلی subjekte به‌طور فاعلی
tiri کشیدن el.tiri (به‌دنبال خود) بیرون‌کشیدن al.tiri به‌سوی خود کشیدن، جذب کردن
varia متنوع varii تنوع داشتن vari.igi تنوع بخشیدن به vari.aĵo چیزی متنوع، واریته
verbo فعل verba فعلی verb.igi (تبدیل به) فعل کردن verbe به‌صورت فعل
verko تالیف، اثر، کتاب ĉef.verko شاه‌کار verk.isto مولف، نویسنده verk.ita تالیف‌شده
vokalo حرف باصدا du.on.vokalo حرف نیمه‌صدادار kvazaŭ.vokalo حرف نیمه‌صدادار

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. La tradukanto devas bone scii ambaŭ lingvojn: kaj la ………., kaj la celolingvon.
2. ……….. povas lerni alian naturan lingvon kiel sian patrin-lingvon.
3. Esperanton oni povas lerni tiel bone, ……….. sian patrinan lingvon.
4. Esperanto estas ………... lingvo por tradukado.
5. La vortordo en Esperantaj frazoj estas tre ……….. .

Respondu:

1. Kial Esper.anto estas ideala lingvo por tradukado?
2. Kiel Esperanto povas servi kiel beletra kaj scienca banko internacia?

3. Kia estas vortordo en la persaj frazoj?
4. Nomu kelkajn lingvojn, el kiuj jam ekzistas Esperanta antologio.

Skribu:

1. Traduku persan literaturaĵon en Esperanton. (Prozon aŭ poezion ekzemple de Sadio aŭ Mohammad Ali Ĝamal-zade)
2. Traduku persan sciencaĵon en Esperanton. (Ekzemple sciencan novaĵon el radio, teledidilo aŭ revuo)

Diskutu:

1. Imagu ĉiuj valoraj verkoj jam tradukiĝis en Esperanton; kiajn efikojn tio kunportas?
2. Kio pli facilas: tradukado de prozaĵo aŭ poeziaĵo? Kial?
3. Kia estas la plej bona traduko?
4. Kiel ni povas kontribui al pli.riĉ.igo de Esperanta literaturo tradukita?

| درس هجدهم: اینترنت و اسپرانتو |
| --- |
| **18-a Leciono: La Interreto kaj Esperanto** |
| Google Esperanta<br>TTT Bildoj Grupoj Katalogo<br>• Altnivela Serĉo • Agordoj • Lingvaj Agordoj<br>Google-Serĉo Mi Bonŝancas<br>Ĉio pri Google - Google.com in English |
| Google, elp. Gugel, la plej fama serĉ.ilo de inter.reto, havas ankaŭ Esper.antan version.[1] |

La inter.reto estas grand.ega reto konekt.anta sen.nombrajn komput.ilojn mond.skale. Laŭ certaj reguloj la komput.iloj povas dispon.igi aŭ disponi informojn en aliaj komput.iloj. Se ni imagu ĉiun komput.ilon kiel cerbon de persono, tiam ni aprezas gravan kaj grandan rolon, kiun la inter.reto nun ludas. Plej.multo de ni ne scias kio estas en la menso de nia najbaro aŭ sam.strat.ano, tamen pere de la inter.reto nun ni povas funde kaj detale kon.at.iĝi kun mens.okup.aĵoj de eĉ plej foraj homoj sur la planedo - se tion ankaŭ ili mem deziras. Same, ni povas prezenti niajn pensojn, planojn, programojn k.s. al la aliaj.

**Plej gravaj ecoj de la inter.reto estas:**
1. Ĉiu povas kontribui al ĝi aŭ util.igi alies kontribu.aĵojn.
2. Rapida al.ir.eblo al dezir.ata informo.
3. En plej.multo de okazoj la serĉ.ataj informoj estas sen.page al.ir.eblaj.
4. Relative mal.kara kosto por util.ig.ado de inter.reto.
5. La materialoj teorie kaj potenciale povas esti en ĉiuj lingvoj.

**Helpo de inter.reto al dis.vast.igo de Esper.anto**
Nun Esper.anto.materialoj inundas en inter.reto. Oni povas lerni Esper.anton pere de diversaj naciaj lingvoj; oni povas hav.igi al si vort.aron de Esper.anto al kaj de mult.egaj naciaj lingvoj; oni povas trovi amikojn kaj korespondi kun ili e.poŝte; oni povas legi Esper.antajn librojn kaj magazinojn; oni povas aŭskulti radio.programojn en Esper.anto; oni povas vidi televidajn programojn; …

Inter.reto jam faris grandan helpon al kon.ig.ado kaj lern.ig.ado de Esper.anto, tiel ke laŭ tre fama usona kaj plej.vend.ata libro pri inter.reto, "Unu el la dek plej

[1] Serĉu en interreto.

bonaj aferoj, kiun vi povas fari en inter.reto"[2] estas lerni Esper.anton kaj util.igi ĝian literaturon en la inter.reto kaj kontakt.iĝi kun popoloj de tre diversaj landoj, kun kiuj vi ne povus havi rilaton tra via/ilia lingvo, aŭ tra la angla, franca aŭ aliaj pli famaj naciaj lingvoj de la mondo.

**Kon.at.iĝi kun aliaj kulturoj**
Ĝis antaŭ la inter.reto, la amas.komunik.iloj estis pleje unu.direktaj kaj ĉefe posed.ataj per ŝtatoj aŭ grand.egaj kompanioj. Nun pere de inter.reto preskaŭ ĉiu persono povas ĝui du.direktan komunik.adon kun la mondo. Nun.tempe ĉiu, kiu havas inter.ret.al.ir.eblon, povas havi rektan kontakton kun aliaj homoj de tre diversaj kulturoj tra la mondo. Estas la unua fojo ke la homoj povas inter.komuniki kun aliaj tiel rapide kaj bon.kvalite. Dank' al inter.retaj kapabloj, nun sam.tempa inter.parolo, eĉ grupa, facile eblas ĉu texte, ĉu aŭde kaj ĉu aŭdo.vide. Ĉiu persono povas kon.igi pri sia lingvo, kulturo aŭ/kaj lando al aliaj, kaj sam.tempe koni la alies.

**Lingvoj de inter.reto**
Nun ni scias ke ekzistas almenaŭ 3000 lingvoj en la mondo, do, por ke ĉiuj homoj povu util(ig)i inter.retajn materialojn, ĉiu teksto devas tradik.iĝi 3000 fojojn kaj aperi en tiom da lingvoj en inter.reto. Tamen pere de util.ig.ado de Esper.anto, sufiĉas ke ĉiu materialo traduk.iĝu nur unu-foje al Esper.anto kaj aperu nur dufoje en inter.reto, t.e. en la originala lingvo de la teksto kaj en ties Esper.anta traduko. Do dank' al utilig.ado de Esper.anto la bezon.ata tempo por traduk.ado, kaj la necesa spaco en inter.reto, preskaŭ 3000-oniĝas!

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

antaŭ پیش، جلو antaŭ.e.n به‌پیش، به جلو antaŭ.e.n.igi پیش‌بردن antaŭe درجلو، قبلاً

aprezi قدر(چیزی را) دانستن aprez.inda شایسته‌ی قدردانی aprez.anto قدردان

disponi دراختیار داشتن dispon.igi دراختیار گذاشتن dispon.ebla قابل دست‌رسی

inundo سیل inundi (مثل سیل) درنَوردیدن inunde مانند سیل، سیل‌آسا

iri رفتن al.ir.ebla قابل رسیدن یا دست‌رسی al.ir.ebl(.ec)o قابلیتِ دست‌رسی

komuniko ارتباط komunik.ilo رسانه amas.komunik.ilo رسانه‌ی گروهی

koni شناختن kon.ata شناخته، مشهور kon.at.iĝi آشنا شدن kon.igi شناساندن

kontakto ارتباط، تماس kontakti ارتباط برقرار کردن با kontakt.iĝi ارتباط یافتن

[2] LEVINE, John R., BAROUDI, Carol The Internet for Dummies, IDG Books, 2nd Ed. , pp.315-6.

kontribui اهدا کردن نوشته و غیره kontribu.anto اهدا کننده‌ی نوشته و غیره kontribu.aĵo نوشته‌ی اهدایی
nombro تعداد، شمار sen.nombra بی‌شمار ne.nombr.ebla غیرقابل شمارش
pagi پرداختن pag.ita پرداخت شده sen.page رایگان، بدون پرداخت pag.iva قادر به‌پرداخت
sama همان sam.urb.ano هم‌شهری sam.strat.ano هم‌خیابانی same همان‌طور
serĉi جستجو کردن serĉ.anto جستجوکننده serĉ.aĵo چیز موردِ جستجو serĉ.ata موردِ جستجو
utila سودمند، بافایده util.igi بهره‌مند شدن از util.ig.ebla قابلِ بهره بردن
vendi فروختن plej.vend.ata پُرفروش vend.isto فروشنده vend.ita فروخته‌شده

Ekzercoj
A- Plenigu:

1. Interreto estas grandega ………… de inter-konektitaj ……..….. .
2. Ĉiuj lingvoj povas esti uzataj en ………… .
3. Interreto estas kaj ……….. kaj ……….. .
4. Esperantaj materialoj en interreto estas ………... .
5. Laŭ tre fama kaj plejvendata libro usona pri interreto, unu el la plej ………… aferoj, kiun oni povas fari en interreto estas lerni kaj utiligi ………… .

Respondu:

1. Kio estas interreto?
2. Kio estas pozitivaj punktoj de interreto?
3. Ĉu en interreto ekzistas diskriminacio(j)?
4. Ĉu interreto estas unu-direkta aŭ ambaŭ-direkta komunikilo?
5. Kial unu el la plej bonaj utiligoj de interreto estas lerni Esperanton kaj kontaktiĝi kun alilandaj popoloj?

Skribu:

1. Kion vi dezirus trovi en interreto en Esperanto?
2. Komparu interreton kun radio aŭ/kaj televidilo.

Diskutu:

1. Kiel interreto povas helpi al antaŭenigado de sciencoj?
2. Kian rolon interreto povas havi por edukado?
3. Se ĉiuj interret-materialoj estus alireblaj ankaŭ en Esperanto, kiajn utilojn oni disponus?

| درس نوزدهم: مکاتبه به اسپرانتو | |
|---|---|
| **19-a Leciono: Korespondi en Esperanto** | |
|  |  |
| Korespond.ado ja ŝanĝis sian formon, tamen ĝia esenco restas sama: proksim.igi la homojn unu al la alia – precipe mense.[1] | |

Korespond.ado estas du.direkta skriba inter.komunik.ado. Jen iom da pozitivaj ecoj de ĝi:

1. Ĉar ĝi estas du.direkta, ambaŭ flankoj kaj informas kaj inform.iĝas. Pro tio, ambaŭ devas havi ankaŭ la aktivan rolon skribi al la alia, kaj ne nur pasive legi alies skrib.aĵon.
2. Ĉar ĝi estas skriba, la materialo povas esti multe pli pri.pens.ita ol la parola komunik.ado, kaj tial ĝi, kaj gramatike kaj signife, potenciale estas pli bona kaj pli korekta.
3. Ĉar ĝi estas mal.kara komunik.ilo, oni povas komuniki sian mesaĝan, kiel oni deziras, kaj al tiu, kiun oni volas.

Probable la negativa flanko de korespond.ado estis ties mal.alta rapido, kio nun dank' al e.poŝto jam solv.iĝis por multaj.

En Esperant.io korespond.ado ludis gravan rolon. Sen korespond.ado, oni devus ĉe.este pri.paroli diversajn aferojn por antaŭ.e.n.igi la mov.adon kaj ekzerci sian lingvon. Kaj tio estus tro kara por plej.multaj esper.ant.istoj, kiuj loĝis en tre dis.foraj landoj.

Hodiaŭ ekzistas tre diversaj rimedoj por trovi leter.amikon. Ekz-e:

1. Pere de la Esper.anta gazet.aro – ĉu la papera versio, ĉu la elektronika – kio ofte en.havas korespond.anoncojn.
2. Helpe de specifaj organizoj pri korespond.ado inter esper.ant.istoj. Eble la plej fama estas Koresponda Servo Mond.skala (KSM), kies ekzisto.kialo estas inter.kon.at.ig.ado de esper.ant.istoj amik.iĝ.cele. Feliĉe KSM nun aktivas ankaŭ elektronike tra inter.reto kaj e.poŝto.

[1] Bildoj de interreto.

3. Inter.retaj TTT.ejoj, kiuj inter.alie donas servon al siaj uz.antoj por trovi leter.amikon. En multaj okazoj tiaj servoj estas sen.pagaj.

Korespond.ado ĉiam interesis kaj interesas multajn, ĉar pere de ĝi krom ek.est.igo de inter.homaj rilatoj kaj amik.iĝoj, oni ankaŭ povas ek.koni aliajn kulturojn kaj kon.igi la sian al la aliaj. Tiel, oni povas kon.at.iĝi kun aliaj viv.manieroj kaj pens.manieroj. En sen.nombraj okazoj la korespond.ado inter scienc.istoj halpis al antaŭ.e.n.ig.ado de scienco.

La kontakt.informo de KSM estas:

Koresponda Servo Mondskala,
B.P. 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio.
ksmEsper.anto@aol.com

Ankaŭ per la ret.ejo de "edukado" (serĉu en inter.reto) oni povas trovi leter.amikojn. Jen ekz-o de letero al KSM por trovi leter.amikon:

*1-*

*2-*

*3- Tehrano, la 17an de Novembro 2004*

*4-*

*5-*

*6- Estimata s-(in)o,*

*7-*

*8- Mi estas 18-jara studento pri matematiko. Mi loĝas en Tehrano kaj deziras korespondi kun 16 ĝis 20-jaraj eŭropanoj kaj afrikanoj pri literaturo, sporto kaj matematiko.*

*9-*

*10-*

*11- Estime via,*

*12- Saman Del-ĥoŝ*

13-

**کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه Novaj vortoj kaj kun.metoj**

aktiva فعال aktiv.ado فعالیت aktiv.ulo فرد فعال aktive فعالانه
antaŭ جلو، پیش، قبل antaŭ.e.n به‌طرف جلو antaŭ.e.n.igi پیش بردن
direkto جهت، سو unu.direkta یک‌طرفه du.direkta دوطرفه
Esper.anto اسپرانتو Esper.ant.io دنیای اسپرانتو esper.ant.isto اسپرانتودان
eduki تربیت کردن eduk.ado تعلیم و تربیت ne.eduk.ita (تعلیم و) تربیت‌نشده (بی‌تربیت)
fantazio تخیل fantazia خیالی، تخیلی sen.fantazia بدون تخیل
flanko طرف، بُعد، وجه flanka کناری، جنبی flanke de در کنار، جنبِ
informo اطلاع informi مطلع ساختن inform.iĝi مطلع شدن inform.ita مطلع(شده)
interesa جالب interesi جلب کردن interes.iĝi جلب شدن interes.aĵoj چیزهای جالب
kara گران، عزیز mal.kara ارزان، بی‌ارزش kar.ulo (شخص) عزیز kar.ega بسیار عزیز
koni شناختن kon.ata مشهور، شناخته‌شده kon.at.iĝi آشنا شدن kon.igi شناساندن
korespondi مکاتبه کردن korespond.anto مکاتبه‌کننده korespond.amiko دوستِ مکاتبه‌ای
letero نامه leter.amiko دوستِ نامه‌ای یا مکاتبه‌ای leter.port.isto نامه‌بر، نامه‌رسان
maniero روش، طریقه viv.maniero روش زندگی pens.maniero طرز تفکر
mesaĝo پیام، پیغام mesaĝ.isto پیام‌رسان mesaĝe از طریق پیام
negativa منفی negativo نگاتیو (فیلم) negativ.ismo منفی‌گرایی
paco صلح pace به‌طور صلح‌آمیز pac.ema صلح‌جو pac.ama صلح‌دوست
pagi پرداختن sen.paga مجانی pag.iva قادر به پرداخت pag.ita پرداخت‌شده
pasiva انفعالی pasive به‌طور انفعالی pasivi منفعل بودن، انفعالی بودن
pensi فکر کردن pens.anto فکرکننده pri.pens.ita فکرشده pens.ema فکور
poŝto پُست e.poŝto (elektronika poŝto) پُست الکترونیکی poŝti پست کردن
potenciale به‌طور بالقوه potencialo (نیروی) بالقوه potenciala بالقوه
pozitiva مثبت pozitive به‌طور مثبت pozitiv.ismo یافت‌باوری (مثبت‌گرایی)
probable احتمالا probabla احتمالی probablo احتمال
rapida سریع rapido سرعت rapidi عجله کردن rapid.igi به‌عجله واداشتن
realo واقعیت reala واقعی reale به‌طور واقعی real.aĵoj چیزهای واقعی
reto اینترنت (شبکه‌ی بین‌المللی) inter.reto شبکه(ی بین‌المللی اینترنت) ret.ejo پایگاه اینترنتی

solvi حل کردن solv.iĝi حل شدن solvo راه حل solv.ita حل‌شده solv.aĵo محلول
uzi استفاده کردن uz.anto استفاده کننده uzulo (اینترنت) کاربَر uz.iĝi استفاده شدن

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Korespondado estas ………….. skriba interkomunikado.
2. Korespondado estas ……………… komunikilo.
3. Hodiaŭ dank' al ………….. la rapido de korespondado multe pliiĝis.
4. Korespondado ………….. gravan rolon por antaŭenigo de Esperanto.
5. KSM estas Koresponda Servo …………….. .

Respondu:

1. Kial Esperanto estas ideala lingvo por korespondado?
2. Kio estas pozitivaj punktoj de korespondado kiel komunikilo?
3. Kio estis la negativa flanko de korespondado? Kaj kiel ĝi solviĝis?
4. Kion oni povas ekkoni pere de korespondado?

Skribu:

1. Skribu leteron al fantazia aŭ reala amiko.
2. Skribu leteron al KSM por trovi leteramikon.

Diskutu:

1. Kion kaŭzos rekta interparolo kaj korespondado pere de Esperanto inter diversnaciaj popoloj?
2. Kiel internacia korespondado povas helpi al internacia paco kaj amikeco?
3. Kiel facila korspondado inter sciencistoj povas helpi al antaŭenigo de sciencoj?

| درس بیستم: چگونه ورزش کنیم؟ | |
|---|---|
| **20-a Leciono: Kiel Ni Praktiku Sporton?** | |
| | |
| Sporto devas helpi al nia sano, ne male! Troa praktik.ado de sportoj povas mal.utili al ni, ĝuste kiel mal.troa mov.iĝo mal.bonas por nia korpo.[1] | |

Eble ĉiuj ni jam aŭdis ke pri ĉiu afero oni devas esti modera; ni devas nek tro.igi nek mal.tro.igi pri kio ajn. Tiu ĉi.rilate nek sport.praktik.ado estas escepto. Kaj manko kaj tro.o de korpaj ekzercoj estas mal.utila por nia korpo kaj sekve por nia animo, ĉar **sana menso (troviĝas) en sana korpo**. (*Yqle salem dyr bydyne salem*)

Oksigeno estas necesa por la vivo, tamen sama oksigeno ankaŭ detruas la vivon. Sohrab Sepehri (1928-1980) bele esprimis tion:

*Vy hyme midanim*
*Rije-haje lyzzyt pore oksiĵene myrg yst*
*(yz: Sedaje Paje Ab)*
**Kaj ni ĉiuj bone scias**
**Plezur.pulmoj plenas per mort.oksigeno**
(el: La Pied.ir.sono de l' Akvo)

Oksigeno kun.met.iĝas kun diversaj elementoj kaj oksid.ante ilin, detru(ig)as la elementojn. Klaraj ekzemploj estas brul.ado, t.e. oksid.iĝ.ado de brul.aĵo; kaj rust.ado, nome kun.met.iĝo de oksigeno kun fer.aĵoj. Eble, sam.kiel angla medicin.isto, profesoro Robert Winston asertis, ankaŭ nia korpo oksid.iĝas iom.post.iome, precipe kiam ni en.spiras pli da oksigeno, t.e. dum tre viglaj, longaj kaj mal.mildaj sportoj. Tiun teorion povas pli.fort.igi la frua for.paso de multaj profesiaj sport.istoj. Sekve, laŭ tiu ĉi teorio, oni povas diri ke mal.jun.iĝo estas iom.post.ioma korp.oksid.iĝo.

Laŭ alia teorio, ĉia viv.ant.aĵo havas saman aŭ certan nombron de pulsoj. Tiuj animaloj, kies puls.ado estas pli rapida, kiel bird.etoj, vivas pli mal.longe, kaj tiuj kun pli mal.rapida puls.ado, kiel elefantoj, vivas pli longe. Do se temas pri sama

[1] Fotoj de interreto.

est.aĵo, kiel homo, ju pli rapide pulsas la koro, des mal.pli longa estos la viv.daŭro. Unu el la ĉefaj kaŭzoj por pli.alt.iĝo de puls.ado estas troa praktik.ado de sportoj.

Ver.ŝajnas ke ni ne devas resti sen.mova, nek fari tro da korp.ekzercoj. Ni scias ke sen.mov.eco ne lasas ke sufiĉa oksigeno atingu al niaj korpo.partoj. Prefere ni praktiku sporton milde sed regule, tiel ke nia korpo kaj ĝuos mov.iĝon kaj ne en.sorbos tro da oksigeno. Tiel ni nek tro.uzus nian lim.ig.itan puls.nombron.

Laŭ multaj spertuloj, pied.ir.ado estas la plej bona ekzerco por nia korpo. Post ĝi, bicikl.adon kaj naĝ.adon oni rekomendas. Tamen certe multaj aliaj sportoj, povas tre utili, se ni praktikas ilin modere, milde kaj regule.

**Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه**

aserti اظهار کردن aserto اظهار، ادعا mis.aserto اظهار یا ادعای اشتباه
biciklo دوچرخه bicikl.ado دوچرخه‌سواری bicikl.isto دوچرخه‌سوار
daŭri ادامه داشتن daŭr.igi ادامه دادن viv.daŭro طول عمر daŭr.iĝi ادامه داده شدن
ekzerco تمرین korp.ekzerco تمرین بدنی ekzerc.ejo محل تمرین کردن، سالن تمرین
escepto استثنا sen.escepte بدون استثنا escept.igi استثنا قایل شدن
fero آهن fer.aĵo چیزی آهنی fera آهنی fer.vojo راه‌آهن fer.voj.isto راه‌آهن‌چی
jogo یوگا jog.ano یوگی، یوگاکار joga مربوط به یوگا
kaŭzo علت، سبب kaŭzi باعث شدن sen.kaŭze بی‌دلیل
limo حد، مرز lim.igi محدود کردن lim.ig.ita محدود کرده شده sen.lima نامحدود، بی‌مرز
medicino طب medicina طبی medicin.isto پزشک، طبیب پزشکی، طب
meti گذاشتن kun.meti ترکیب کردن kun.met.iĝi ترکیب شدن kun.meto ترکیب
milda ملایم milde به‌طور ملایم mild(.ec)o ملایمت mildvoĉe باصدای ملایم
modera متعادل moder.igi تعدیل کردن moder.iĝi تعدیل شدن
movi حرکت دادن mov.iĝi حرکت کردن sen.mova راکد، بی‌حرکت mov.ado حرکت، نهضت
naĝi شنا کردن naĝ.ado شنا naĝ.ejo استخر (شنا) naĝ.isto شناگر(حرفه‌ای یا ماهر)
pasi گذشتن for.pasi درگذشتن pas.inta گذشته، قبلی pas.anto عابر
praktiki انجام دادن، عمل کردن praktiko تمرین، به‌کارگیری praktika عملی

pulsi ضربان داشتن puls.anta در حال طپش puls(.ad)o طپش
regulo قاعده، نظم regule به‌طور مرتب regula مرتب، منظم regul.aro (مجموعه)قواعد
rekomendi توصیه کردن rekomend.inda شایسته‌ی توصیه rekomend.letero توصیه‌نامه
sperto تجربه sperta با تجربه spert.ulo (شخص) با تجربه sen.sperta بی‌تجربه
spiri تنفس کردن en.spiro دَم el.spiro باز دَم spir.ado تنفس spir.anta تنفس‌کننده
sporto ورزش sport.isto ورزش‌کار (حرفه‌ای) sport.ejo ورزش‌گاه، سالن ورزش
teorio نظریه teori.isto نظریه‌پرداز teoria نظری teorie ازنظر تئوری، در تئوری
testudo لاک پشت testude مثل لاک‌پشت (آرام) testud.ŝelo لاکِ لاک‌پشت
tro بیش از حد tro.igi افراط کردن، مبالغه کردن mal.tro.igi تفریط کردن

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Pri ĉiu afero oni devas esti ..............., t.e. nek troigi, nek maltroigi.
2. Nek ................., nek tro da moviĝoj estas bona por nia korpo.
3. Oksigeno ...................... kun diversaj elementoj kaj oksidas ilin.
4. Laŭ .............. la nombro de pulsoj por ĉiu estaĵo estas sama.
5. Laŭ alia teorio, nia ............... oksidiĝas kaj tio kaŭzas malutilon por ni.

Respondu:

1. Kial ni maljuniĝas?
2. Kiel troa korpekzercado malutilas kontraŭ nia korpo?
3. Kial nia korpo kaj animo bezonas mildan korpekzercon?
4. Kiel ni povas malrapidigi maljuniĝon?
5. Kiel oksigeno kaŭzas detruon al diversaj materialoj?
6. Kio estas malutiloj de senmoveco por la korpo?

Skribu:

1. Preparu liston de diversaj sportoj, kaj ordigu ilin laŭ la forto kaj energio, kiun ĉiu el ili bezonas.
2. Skribu pozitivajn kaj negativajn punktojn de piedirado kaj nerapida naĝado kiel korpekzercoj.

Diskutu:

1. Multaj sportistoj vivas mallonge. Kial?
2. Dum vintrodormado la pulsado tre tre malrapidiĝas. Ĉu tio estas alia kialo por longvivado de – ekzemple – testudoj?
3. Ĉu jogo estas milda ekzerco por la korpo? Kio alia estas tia?

## درس بیست و یکم: نشریات اسپرانتو

## 21-a Leciono: Gazetaro de Esperanto







Irana Esper.ant.isto (Pyjame Sybzyndiŝan) estas unu el la plej amplksaj revuoj en la Esper.ant.a mondo.

Period.aĵoj vere helpas al ĝis.dat.igo de nia scio pri diversaj aferoj. Ĝis antaŭ invent.iĝo de inter.reto, aper.periodo de period.aĵoj estis inter tago kaj jaro. Tamen nun inter.retaj inform.iloj povas ĝis.dat.iĝi eĉ ĉiu.hore. Do ilin oni povas nomi vivantaj revuoj.

Esper.anto.gazet.aro ludis tre gravan rolon en dis.volv.ado de Esper.anto. Dum unuaj jaroj kaj jar.dekoj, diversaj gazetoj aper.antaj en Esper.anto speciale helpis al unu.ec.ig.ado de lingvo.uzo. Ankaŭ pere de la gazetoj, esper.ant.istoj povis kon.at.iĝi unu kun la alia kaj inform.iĝi pri diversaj Esper.antaj aranĝoj kaj kun.venoj.

Eĉ en nun.tempa mondo, kiam inter.reto vaste popular.iĝis, ankoraŭ Esper.antaj period.aĵoj ne perdis sian gravan signifon por la mov.ado de Esper.anto. Multaj inter.retaj revuoj en Esper.anto lingvo fakte estas elektronikaj versioj – aŭ partaj aŭ kompletaj - de mal.novaj Esper.anto.gazetoj.

Monata revuo nom.ata “Esper.anto”, la oficiala organo de la Universala Esper.anto-Asocio (UEA) fond.iĝis antaŭ UEA mem! Ĝin iniciatis M.P. Berthelot (1881-1910) en 1905, kaj poste ĝi far.iĝis la oficiala organo de UEA. Nun la revuo estas leg.ata en 117 landoj de la mondo!

Alia fama revuo de Esper.anto nom.iĝas “Kontakto”. Ĝi estas du.monata soci.kultura revuo inter.nacia el.don.ata per UEA por ties jun.ul.ara sekcio nom.ata

TEJO, t.e. Tut.monda Esperant.ista Jun.ul.ara Organizo. Kontakto fond.iĝis en 1963 kaj nun estas leg.ata en ĉirkaŭ 90 landoj.

"Fonto" estas unu el la plej famaj beletraj revuoj en Esperant.io. Tiu ĉi monata revuo el.donas poeziajn kaj prozajn materialojn verk.itajn aŭ traduk.itajn en Esper.anto(n). La geograf.ia vast.eco de la kontribu.antoj estas vere okul.frapa. En ĝi jam aperis mult.egaj beletr.aĵoj el ĉiuj kontinentoj kaj sen.nombraj landoj kaj kuturoj.

Esper.anta revuo de Irano nom.iĝas Irana Esperant.isto aŭ Pyjame Sybzyndiŝan. Ĝi estas kultura sezon.revuo en Esper.anto kaj la persa sur 56 paĝoj. Jen kontakt.informo de la revuo:

Payame Sabzandishan, P.O. Box 17765-184, Tehran, Iran.
info@sabzandishan.com, info@sabzandishan.org

Krom pri.Esper.antaj kaj ĝeneralaj magazinoj, ekzistas ankaŭ mult.nombraj fak.revuoj. Ekzemple Medicina Inter.nacia Revuo (MIR) estas organo de Uniuversala Medicina Esper.anto-Asocio (UMEA), kaj La Domo estas "La revuo de la profesioj kaj de la servoj" pri konstruado.

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

aperi پدیدار شدن، منتشر شدن، درآمدن aper.anta منتشر شونده aper.igi منتشر کردن

ampleksa مفصل، جامع ampleksi شامل شدن، دربرگرفتن amplekso شمول، کمیت

beletro ادبیات beletr.aĵo اثر ادبی beletr.isto ادیب beletra ادبی

dato تاریخ، مورخه ĝis.dat.igo به‌روزسازی ĝis.dat.ig.ita به‌روزشده dat.re.veno سال‌گشت

elektron.ika الکترونیکی electron.ika poŝto, e.poŝto پُست الکترونیک e-poŝt-adreso آدرس پست الکترونیک

fakto واقعیت، امر fakte در واقع fakta واقعی fakt.o.plena پُر از واقعیات

gazeto مجله gazet.aro مطبوعات gazet.artikolo مقاله‌ی مجله

iniciati ابتکار کردن iniciat.into مبتکر iniciato ابتکار

inventi اختراع کردن invent.into مخترع invent.aĵo اختراع invent.ita اختراع‌شده

juna جوان jun.ulo (شخصِ) جوان jun.ul.aro جوانان mal.juna پیر، سال‌مند

koni شناختن kon.ata مشهور kon.at.iĝi آشنا شدن kono شناخت el.kono شناخت عمیق

konstrui ساختن، بناکردن konstru.ado ساخت‌وساز konstru.isto کارگر ساختمانی، بنا
kontribui اهدا کردن نوشته و غیره kontribu.anto اهدا کننده‌ی نوشته و غیره kontribu.aĵo نوشته‌ی اهدایی
kultura فرهنگی kulturi با فرهنگ کردن sen.kultura بی فرهنگ mult.kultura چندفرهنگی
legi خواندن leg.ata مورد مطالعه leg.ant.aro خوانندگان leg.iĝi خوانده شدن
magazino مجله (مصور) magazin.kovr.ilo جلد مجله magazin.ekzemplero نسخه‌ی مجله
movi حرکت دادن mov.ado جنبش، نهضت la mov.ado اسپرانتو جنبش (جهانی ساختنِ )
nun حالا nuna کنونی nun.tempa معاصر nun.tempe درحال حاضر
okulo چشم okul.frapa چشم‌گیر okul.isto چشم‌پزشک okul.haro مژه
perdi گم کردن، ازدست دادن perd.ita گم شده، ازدست رفته perd.inta گم کرده، ازدست داده
periodo دوره period.aĵoj نشریات (دوره‌ای) perioda دوره‌ای
populara مردمی popular.iĝi مردمی شدن popular.eco مردمی بودن، محبوبیت
profesio شغل، حرفه profesi.ulo شخص حرفه‌ای profesia حرفه‌ای، شغلی
reto شبکه inter.reto اینترنت (شبکه‌ی جهانیِ) inter.reta اینترنتی
revuo نشریه (ی تخصصی) revu.numero شماره‌ی مجله revu.abon.antoj مشترکان مجله
unu یک unu.eco یگانگی unuo واحد(اندازه‌گیری) unu.ec.ig.ado وحدت‌بخشی
veni آمدن kun.veno همایش venonta آینده، بعدی al.veni آمدن به، رسیدن al.ven.igi آوردن، رساندن
versio روایت li.a.versie به‌روایت او β.versio روایت بِتا (آزمایشی، در مورد برنامه‌های کامپیوتری)

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Gazetaro de Esperanto multe helpis al …………. de la lingvo.
2. Nuntempe kiam interretaj revuoj multas, ankoraŭ Esperantaj periodaĵoj ne ………… sian gravan signifon por la movado.
3. Revuo "Esperanto" estas la ………… organo de UEA.
4. "Konkakto" estas du-monata …………… revuo internacia.
5. En ĉirkaŭ 90 landoj "Kontakto" havas ………….
6. "Fonto" estas ……..….. revuo en Esperanto.

Respondu:

1. Kial Esperanto-gazetaro ludis gravan rolon en disvolvado de Esperanto?
2. Kiel nomiĝas la oficiala organo de UEA?
3. Kio estas la nomo de UMEA-revuo?
4. En kiuj jaroj fondiĝis revuoj "Esper.anto" kaj "Kontakto"?

Skribu:
1. Traduku persan artikol(er)on en Esperanton.
2. Traduku artikol(er)on el Esperanta revuo en la persan.

Diskutu:
1. Komparu la libron kun la periodaĵo.
2. Kiaj revuoj estus pli taŭgaj por aperi en Esperanto?
3. Kiu donas pli vastan vidon al oni: nacia aŭ internacia gazeto?
4. Ĉu internacia periodaĵo povas aperi en nacia lingvo?

# درس بیست و دوم: آشنایی با کتب اسپرانتو

# 22-a Leciono: Esperantaj Libroj

Piron kaj Sekelj, du el la plej leg.ataj Esper.anto.verk.istoj de la nuna tempo[11]

Eĉ nun – kiam komput.iloj kaj inter.reto furoras - la libro ankoraŭ estas la plej fid.inda kaj efika komunik.ilo. De antaŭ jar.miloj la libro estis la plej daŭr.ema (rest.ema) komunik.ilo kaj por sam.temp.uloj kaj por postaj generacioj. Eĉ en hodiaŭa mondo, la bazo de multaj komput.ilaj programoj kaj inter.retaj paĝoj estas … la libroj.

La libroj ludis gravan rolon ankaŭ en la Esper.ant.o.mondo. La Unua Libro, kiun L.L. Zamenhof (1859-1917) publik.igis en 1887, fakte estis la nask.iĝo de la nova inter.nacia lingvo Esper.anto. Ek.de tiam, miloj da libroj el.don.iĝis tra la mondo pri aŭ en Esper.anto. Jene ni provas klasifiki Esper.antajn librojn, kaj en iuj kategorioj prezentas ekzemplon:

1. libroj en Esper.anto
    a. originalaj verkoj
        i. instru.ado
            1. (mem)lerno.libroj
            2. vort.aroj
        ii. prozo
            1. romanoj
            2. noveloj
            3. rakontoj
            4. proverboj
            5. biograf.ioj
        iii. poezio
        iv. teatr.aĵoj
    b. traduk.itaj verkoj
        i. prozo
            1. romanoj
            2. noveloj
            3. rakontoj
            4. proverboj
            5. biograf.ioj
        ii. poezio
        iii. teatr.aĵoj
2. libroj pri Esper.anto en aliaj lingvoj
    a. (mem)lerno.libroj
    b. vort.aroj
    c. inform.iloj

[11] Fotoj de interreto.

*Elpafu la Sagon* estas titolo de valora verko de Tibor Sekelj (1912-1988), tre fama esperant.ista verk.isto, poeto, traduk.isto kaj mond.vojaĝ.anto. Ĝi, kiel la sub.titolo diras, estas *el la buŝa poezio de la mondo.* Li pas.igis multe da sia tempo en vojaĝoj al plej foraj kaj plej diversaj lokoj en la mondo.

La libro en.havas tradukon de 138 poemoj kaj kantoj de tre diversaj triboj kaj popoloj, kiujn Sekelj vizitis dum siaj vojaĝoj al ĉiuj kontinentoj. Li tre bele esperant.igis ilin kaj pere de bonaj notoj klar.igis pri ne.kon.ataj temoj kaj vortoj. Anstataŭ en.konduko, Sekelj verkis tre human.ecan poem.eton belan, kies nomo estas la titolo de la verko:

**El.pafu la Sagon**
El.pafu la sagon kuraĝa toao*
sed tiel ke ĝi neniam mort.igu,
neniun ĝi vundu.
El.pafu la sagon brava ĉas.isto,
sed ke ĝi ne vundu beston,
ne tra.boru arbon, ne de.ŝiru folion.
El.pafu la sagon direkten al fora stelo,
ke ĝi dis.ŝut.iĝu en mil fajr.erojn,
ke ĝi lum.igu la vojon al ĉiu
kiu vagas ĉi.nokte.
Ke ĝi al.portu momenton de belo
en la nokton de tiuj kiuj mal.gajas.[12]

**toao*, kiel Sekelj pied.note skribis, estas el maoria lingvo kaj signifas "plen.aĝa plen.forta viro ĉiam preta por batali."

*Ĉu Ni Kun.venis Vane?* estas titolo de originala romano en Esper.anto far Johán Valano, kio estas pseŭdonimo de profesoro Claude Piron (1931-), tre fama svisa esperant.ista psikologo kaj verk.isto. Por gust.umi lian arto.plenan verk.stilon, ni legas la unuajn liniojn de la romano:

> "Per tre mal.rapida gesto, kiun neniu povis rimarki, Miŝa Viktoroviĉ Kaganov tuŝis la mal.dekstran flankon de sia jako, je la nivelo de l' koro, kaj la minimumaj palpa kaj aŭda perceptoj sufiĉis por for.igi momente lian dubon: la gazeto plu trov.iĝis en la interna poŝo. Lin torturis intensa deziro ĝin rigardi, sed tiun li sub.premis: povus esti ja danĝere.
>
> …. La racio diris, ke li estis perfekte sin.garda, kaj ke aŭtoritatoj povus suspekti nenion, sed mal.ofte racio povas pac.igi koron turmento.plenan, kaj ĉi.foje ĝi pli.a.foje fiaskis."[13]

En la lasta frazo oni brile vidas la fundan konon de la psikologa verkisto.

*Sep.dek Sep Ŝlos.iloj por la Japana Civilizacio* estas dokumenta verko pri Japanio. Ĝi estas plur.aŭtora verko kon.ig.anta Japanion divers.flanke. La libro el.don.iĝis Esperante, kun traduko de Geoffrey Sutton, en 1987 okaze de la cent.jar.iĝo de Esper.anto. En parto nom.ita *Komput.iloj kaj Robotoj* ni legas:

> "Ankaŭ la fabriko havas novan vizaĝon: en la munto.ĉeno laboras robotoj apud homoj. Multaj taskoj pri farb.ado, veld.ado kaj munt.ado trans.iris el homaj manoj al robotoj, kaj ankaŭ kontrolaj kaj mezuraj robotoj jam funkci.adas. En Japanio trov.iĝas 67 mil labor.antaj robotoj (cifero por 1981), kio estas 70 pro.centoj de ĉiuj uz.ataj en la mondo. Plie, Japanio, per siaj 20 mil unuoj jare, produktas pli da robotoj ol iu ajn alia lando."[14]

---

[12] SEKELJ, Tibor. Elpafu la sagon, Rotterdam: UEA, 1983, 187 p., p. 17.
[13] VALANO, Johán. Ĉu ni kunvenis vane?, Antverpeno, La Laguna: TK/Stafeto, 1982, 180 p., p. 5.
[14] UMESAO-Tadao. Sepdek-sep ŝlosiloj por la japana civilizacio, trad. Geoffrey Sutton, Tokio: Japana Komisiono por la Centjara Jubileo de Esperanto, 1987, 355 p., p. 288.

En alia parto de la libro ni legas pri Japanio laŭ Marko Polo:

> "Cipangu estas mal.proksima insulo en la maro ĉirkaŭ mil kvin.cent mejlojn de Manzi. Ĝi estas tre granda insulo … (La tieaj homoj) estas idol.anoj kaj estas sub.uloj al neniu alia ŝtato. Ordinare ili havas grandan abundon da oro, sed la kialo de tio estas, ke ili minas oron en la insulo, kaj ilia reĝo mal.permesas eksporti la oron. Ankaŭ ĉar ĝi estas mal.proksima de la kontinento, preskaŭ neniuj komerc.istoj vizitas ĝin, tiel ke la kvanto de oro en ilia posedo estas vere tre granda."[15]

**Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه**

abundo فراوانی abunda فراوان abundi فراوان بودن mal.abunda نادر، کم‌یاب
aŭtoritato مقام (مسئول) aŭtoritatoj مقامات aŭtoritate با قدرت
buŝo دهان buŝa شفاهی، افواهی buŝe به‌طور افواهی
cifero رقم، عدد cifera رقمی، عددی cifere با ارقام
civilizacio تمدن civilizacia مربوط به تمدن antaŭ.civilizacia مربوط به پیش از تمدن
daŭri ادامه داشتن daŭr.ema بادوام daŭr.igi ادامه دادن daŭr.iĝi ادامه یافتن
dubo شک dubi شک داشتن به dub.ema شکاک dub.inda مشکوک sen.dube بی‌شک
fabriko کارخانه fabriki در کارخانه ساختن fabrika کارخانه‌ای
fiaski شکست خوردن fiasko شکست fiask.inta شکست خورده fiask.ego شکست بزرگ
fidi اعتماد کردن به fido اعتماد fid.inda قابل اعتماد fid.ind.ulo شخصِ قابل اعتماد، معتمد
furoro اشتهار، رواج، همه‌گیری furori برسرزبان‌ها بودن furor.ulo آدمی که نامش برسر زبان‌هاست
generacio نسل generacia مربوط به نسل generaci.aro شجره (شناسی)
gesto ژست، حالت geste با ژست gesti ژست گرفتن
gusto مزه gust.umi چشیدن، مزه کردن bon.gusta خوش‌مزه sal.gusta شورمز(ه)
idolo بُت idol.ismo بت‌پرستی idol.ano بت‌پرست idol.igi بت کردن
informo اطلاع inform.ilo وسیله‌ی اطلاع‌رسانی، رسانه inform.ita مُطلع
insulo جزیره insul.ano جزیره‌نشین insul.aro مجمع‌الجزایر insul.lando کشور جزیره‌ای
klasifiki طبقه‌بندی کردن klasifiko نظام طبقه‌بندی klasifik.ado (عمل) طبقه‌بندی
komerco تجارت komerci تجارت کردن komerc.isto تاجر
lerni فرا گرفتن lern.o.libro کتاب آموزشی mem.lern.o.libro (کتاب) خودآموز
mezuri اندازه گرفتن mezuro اندازه (گیری) sen.mezura بی‌اندازه (زیاد)
naski به‌دنیا آوردن nask.iĝo تولد re.nask.iĝo تولد دوباره nask.iĝ.festo جشن تولد
nivelo سطح (sam.)nivela هم‌سطح niveli مسطح کردن mez.nivelo سطح متوسطه
novelo داستان کوتاه، نوول novel.isto نویسنده‌ی داستان‌های کوتاه novela مربوط به نوول
originala اصل، اصیل originalo (نسخه‌ی) اصل original.eco اصالت

[15] Ibid. p. 118.

oro طلا ora طلایی or.aĵoj طلاجات or.ringo حلقه‌ی طلا
pafi پرتاب کردن (تیر) el.pafi محکم پرتاب کردن (تیر) pafo پرتاب، شلیک
palpi لمس کردن palp.ebla ملموس palpe با لامسه
percepto احساس، ادراک percepti درک کردن percept.ebla قابل درک
poezio نظم، شعر poezia منظوم، به‌شعر poezi.aĵo قطعه‌ی منظوم
posedi صاحب بودن posedo تصاحب posed.anto صاحب
poŝo جیب en.poŝ.igi در جیب گذاشتن poŝ.libro کتاب جیبی
premo فشار premi فشار دادن sub.premi تحت فشار گذاشتن
proverbo ضرب‌المثل proverb.aro مجموعه‌ی ضرب‌المثل proverba مربوط به ضرب‌المثل
prozo نثر proza منثور proz.aĵo قطعه‌ی منثور proz.isto نثرنویس
psik.ologo روان‌شناس psik.ologio روان‌شناسی psik.ologia روان‌شناختی
racio عقل، خِرد racia خردمند(انه) racie با خردمندی
rakonto حکایت rakonti حکایت کردن rakont.aro مجموعه‌ی حکایات
resti (به‌جا) ماندن rest.ema مانا rest.ad.ejo اقامت‌گاه rest.aĵoj بقایا
rimarki ملاحظه کردن rimarko توجه rimark.inda شایسته‌ی توجه
romano داستان بلند، رُمان roman isto رمان‌نویس romana مربوط به رُمان
sago تیر (تیرکمان) sagi (مثل تیر) پرتاب شدن sag ujo تیردان
stilo سَبْک verk.stilo سبک تالیف bon.stila خوش‌سبک sen.stila فاقد سبک
suspekti ظنین شدن به suspekto ظن suspekt.ema مظنون، بدگمان
teatro تئاتر (سالن) teatr.aĵo نمایش‌نامه teatra مربوط به تئاتر
tempo زمان، وقت sam.tempa هم‌زمان، معاصر sam.temp.uloj معاصران
torturo عذاب، شکنجه torturi عذاب دادن torture با عذاب
traduko ترجمه traduk.into مترجم traduk.ita ترجمه شده
verko اثر (ادبی یا هنری) verk.isto مولف verk.aro مجموعه‌ی تالیفات
vojaĝo سفر vojaĝi مسافرت کردن mond.vojaĝ.anto جهان‌گرد

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Nuntempe komputiloj kaj interreto …………. en la mondo.
2. La libro ankoraŭ estas la plej daŭrema (restema) …………..
3. La libroj ludis grandan ………… ankaŭ en la Esperanto-mondo.
4. Tibor Sekelj estas tre fama esperantista verkisto, poeto, tradukisto kaj ……………..
5. Claude Piron estas tre fama svisa esperantista ………….. kaj verkisto.

Respondu:

1. Kiel oni povas klasifiki Esperanto-librojn?
2. Kiom da robotoj ekzistis en Japanio en 1981?
3. Kial laŭ Marko Polo Japanio estis tre riĉa?
4. Kio estas pseŭdonimo de prof. Claude Piron?
5. En la poemo *Elpafu la Sagon*, kion ĉefan diras Sekelj?
6. Kiom da poemoj kaj kantoj estas tradukitaj far Sekelj en *Elpafu la Sagon*?

Skribu:

1. Traduku persan kanton aŭ poemon en Esperanton.
2. Traduku la poemon *Elpafu la Sagon* en la persan.

Diskutu:

1. Ĉu iam libroj malaperos, aŭ ili nur ŝanĝos sian formon?
2. Kian utilon havas tradukado de Esperantaj originalaj verkoj en naciajn lingvojn?

| درس بیست و سوم: آشنایی با شعر اسپرانتو | |
|---|---|
| **23-a Leciono: Esperantaj Poemoj** | |
|  |  |
| Kalocsay kaj Auld, inter la plej el.staraj poetoj de Esper.anto[1] | |

Esper.anton kreis doktoro Ludoviko Lazaro Zamenhof (1859-1917). Li nask.iĝis en Bjalistoko, urbo en nuna pol.lando.

Zamenhof publik.igis Eper.anton en la jaro 1887. Ek.de tiam, dum 30 jaroj, ĝis sia frua for.paso, li ankoraŭ laboris por Esper.anto. Li mult.ege tradukis kaj verkis en la nova lingvo. Zamenhof estis kaj scienc.isto kaj art.isto: li studis medicinon kaj poste studis plu por far.iĝi okul.isto, kaj sam.tepme li estis muzik.isto kaj povis bone ludi pianon. Zamenhof verkis belajn poemojn. Fakte li estas la unua poeto de Esper.anto. Jen unu el liaj poem.etoj, en kiu li bele aludas pri tio ke li oferis sian jun.econ al Esper.anto:

**Mia penso**

Sur la kampo for de l' mondo,
antaŭ nokto de somero,
amik.ino en la rondo
kantas kanton pri l' espero.
Kaj pri vivo detru.ita
ŝi rakontas kompatante, –
mia vundo re.frap.ita
min doloras re.sang.ante.

"Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro,
kial tia sen.mov.eco?
Ha, kred.eble re.memoro
el la kara infan.eco?"
Kion diri? Ne plor.anta
povis esti parol.ado
kun fraŭl.ino ripoz.anta

[1] Fotoj de interreto.

post somera promen.ado!

Mia penso kaj turmento,
kaj doloroj kaj esperoj!
Kiom de mi en silento
al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan –
la jun.econ – mi plor.anta
metis mem sur la altaron
de la devo ordon.anta!

Fajron sentas mi interne,
vivi ankaŭ mi deziras, –
io pelas min eterne,
se mi al gaj.uloj iras...
Se ne plaĉas al la sorto
mia peno kaj laboro –
venu tuj al mi la morto,
en espero – sen doloro!

Iom post iom trov.iĝis aliaj Esper.anto.poetoj en multaj landoj de la mondo. Ekzemple en libro titol.ita *Tut.monda Sonoro* traduk.ita de Kálmán Kalocsay (1891-1976), estas 581 traduk.itaj poemoj de 185 poetoj el multaj landoj kaj lingvoj. Ankaŭ en *Esper.anta Antologio, Poemoj 1887-1981* ekzistas 850 originalaj poemoj de 163 esper.ant.istaj poetoj el tre multaj kaj diversaj landoj de la mondo: de Ĉin.io, Kore.io kaj Japan.io ĝis Sved.io, Usono kaj afrikaj landoj. Jen poemo de John Sharp Dinwoodie, elp. Ĝan Ŝarp Dinŭudi, (1904-1980) elekt.ita el tiu ĉi valora verko:

**Sol.eco**

Ŝaf.isto iras sur mont.aro,
Kie bird.kantoj sonas;
Kun la Natur' en solidaro
Sol.econ li ne konas.

Sed iras mi sur urbo.stratoj,
Kie la bru' sen.ĉesas;
Kaj meze inter la hom.fratoj
fremd.ule mi sol.ecas.

Esper.anto jam havis ankaŭ multajn anonimajn poetojn, kiuj verkis bel.egajn poemojn. Ekzemple oni ne konas la poeton de la suba bel.ega poemo:

**Parolu nun …**
Se vi ŝatas ies farojn,
Ne atendu longajn jarojn,
Ĝis li venkos ĉiajn barojn
Ĉe la tasko.

Jam nun sonu via vorto
Kuraĝ.iga. Pli da forto
Havos ĝi ol – post la morto –
Flora fasko

Kiam li en ĉerko kuŝos,
Via helpo ne lin tuŝos,
Nek al plua peno puŝos
Danka vorto

Sonu **nun** la laŭd' amika!
Vana estos pli efika
Epitafo retorika
Post la morto

Kiel vid.eble, bela ekzemplo de aliteracio esprim.iĝis en la verso "Nek al **p**lua **p**eno **p**uŝos/ Danka vorto".

La poemo memor.igas nin, la pers.lingv.anojn, i.a. al la fama gazalo de Moŭlana (Rumi) en Ŝams.gazal.aro:

*Bija ta qydre jekdigyr bedanim*
*Ke ta nagyh ze jekdigyr nymanim*
*Kyriman ĝan fydaje dust kyrdynd*
*Sygi bogzar, ma hym myrdomanim*
*Gyhi ĥoŝ-del ŝyvi yz myn ke mirym*
*Ĉera morde-pyrysto ĥysme ĝanim?*
*Ĉo byr gurym beĥahi buse dadyn*
*Roĥym ra buse deh, kyknun hymanim*
*(yz: Gozideje Qyzylijjate Ŝyms )*

**Ni ĝu.adu unu l' alian, ĉi horas**
**Ĉar ek.perdi unu l' alian, ne foras**
**Por amiko vivon oferis la nobl.uloj**
**For.lasu vi la hund.econ, ankaŭ ni homas**
**Min vi ja ek.amos, kiam mi mort.int.os**

**Kial morton – kaj ne vivon - ni adoras**
**Ĉar ĉe mia tomb' vi kisos al epitaf'**
**Nun kisu al mia vizaĝ', ni sam.homas**
**(el: Elekt.itaj Ŝams.gazaloj)**

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

aliteracio واج‌آرایی aliteracia واج‌آراسته aliteraci.eco واج‌آراستگی
altaro قربان‌گاه altare در قربان‌گاه altara مربوط به قربان‌گاه
arto هنر art.isto هنرمند art.verko اثر هنری art.o.plena پر از هنر، هنرمندانه
ĉerko تابوت ĉerk.vetur.ilo وسیله‌ی نقلیه‌ی تابوت ĉerka مربوط به تابوت
detrui خراب کردن detru.iĝi خراب شدن detru.ita خراب شده، مخروب، مخروبه
elekti انتخاب کردن elekt.ita منتخب elek.ado انتخابات elekt.iĝi انتخاب شدن
epitafo سنگ‌نوشته‌ی مزار vers.epitafo سنگ‌نوشته‌ی منظوم مزار epitaf.lingvo زبان سنگ‌نوشته‌ی مزار
fasko دسته (مو، گُل، گندم) fask.eto دسته‌ی کوچک har.fask.eto طُره (مو)
fremda بیگانه fremd.ulo شخص بیگانه fremd.ule مانندِ بیگانه fremd.lingvo زبان بیگانه
kanto آواز kanti خواندن (آواز) kant.isto آوازه‌خوان kant.aro مجموعه‌آواز
kompati ترحم کردن kompat.inda قابل ترحم kompato ترحم sen.kimpate بدون ترحم
krei آفریدن kre.into آفریننده kre.aĵo آفریده kre.ado آفرینش kre.ita آفریده شده
kuraĝa شجاع kuraĝ.igi تشجیع کردن kuraĝ.iga شجاعت‌بخش mal.kuraĝa ترسو
mondo دنیا، جهان mond.lingvo زبان جهانی tut.monda (تمام) جهانی
movo حرکت sen.mova بی‌حرکت sen.mov.eco رکود mov.iĝ.ema دوست‌دار حرکت
muziko موسیقی muzik.isto موسیقی‌دان، نوازنده muzik.aĵo قطعه‌ی موسیقی
naski به دنیا آوردن، زاییدن nask.iĝi به دنیا آمدن، زاییده شدن nask.iĝ.festo جشن تولد
nobla کریم noble با کرامت nobl.uloj کریمان nobl(ul)e کریمانه
originala اصیل (غیر ترجمه) originale به‌طور اصیل original.aĵo متنی اصیل
parkeri از بَر داشتن parker.igi حفظ بودن، از بَر کردن parkere حفظ کردن، از بَر از حفظ
peli راندن for.pela دور کننده re.peli پس‌راندن for.peli دور راندن
piano پیانو pian.isto نوازنده‌ی پیانو piana برای پیانو

retoro استاد سخن retor.iko علم فصاحت retor.aĵo گفته‌ای فصیح
ŝafo گوسفند ŝaf.isto چوپان ŝaf.aro گله‌ی گوسفند ŝaf.ido بره
sango خون sangi خون آمدن re.sang.ante درحالِ خون‌ریزیِ مجدد
solidar(ec)o هم‌بستگی solidara هم‌بستگی‌دار، هم‌بسته solidar.igi ایجاد هم‌بستگی کردن، هم‌بسته ساختن
stari ایستادن el.stari برجسته بودن el.stara برجسته، ممتاز kontraŭ.stari (دربرابرِ) مقاومت کردن
tombo قبر، مقبره tomb.ejo قبرستان tomba مربوط به قبر
traduki ترجمه کردن traduk.into مترجم traduk.ita (شده) ترجمه
turmento رنج، عذاب turmenti رنج دادن به turmenta عذاب آور، رنج‌دهنده
tuŝi لمس کردن tuŝ.ado لامسه، بساوایی tuŝ.ebla قابل لمس، ملموس
vango گونه، لُپ vang.o.frapo سیلی puf.vanga با گونه‌ی بادکرده

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Doktoro Zamenhof …………. Esperanton.
2. Esperanto kreiĝis en la jaro ………... .
3. Zamenhof naskiĝis en la jaro ………….. en urbo ………….. .
4. La unua poeto de Esperanto estas ……….... .

B- Respondu:

1. En kiu jaro naskiĝis Kálmán Kaloscay?
2. Kiel nomiĝas la internacia poem-verko, kiun tradukis Kalocsay?
3. Dum kiu periodo verkiĝis la originalaj poemoj de Esper.anto eldonitaj en la libro *Esper.anta Antologio*?
4. Kiom da Esperanto-poetoj kontribuis al la *Esperanta Antologio*?

C- Skribu:

1. Skribu Esperantan poemon en prozo.
2. Parkerigu (skribu en via menso) Esparantan poemon.
3. Skribu pri aliteracio kaj donu ekzemplon en Esperanta kaj/aŭ persa poemo(j).

Ĉ- Diskutu:

1. Ĉu en logika lingvo kiel Esperanto, povas ekzisti poezio?
2. Kio diferencigas poezion de prozo?

<table>
<tr><td colspan="2">درس بیست و چهارم: آشنایی با ضرب‌المثل‌های اسپرانتو</td></tr>
<tr><td colspan="2">24-a Leciono: Esperanta Proverbaro</td></tr>
<tr><td></td><td>

La kreinto de Esperanto</td></tr>
<tr><td colspan="2">Sen.duba geni.ulo, L.L. Zamenhof, la kre.into de Esper.anto, multe verkis ankaŭ pri proverboj.[1]</td></tr>
</table>

Ver.ŝajne la proverboj ekzistas en ĉiuj lingvoj. Ili kaj bel.igas la parolon kaj mal.longe diras longan aferon. Ili iam uz.iĝas kiel pruvo, aliam kiel atest.aĵo aŭ averto. En multaj proverboj, la simpla kaj familiara lingv.aĵo, pli.plaĉ.igas ilin por ni. Eble jena esper.anta proverbo klar.igas la kialon de tiu ĉi fakto:

**Venas proverbo el popola la cerbo.**

Ne neg.eblas la utiloj de proverboj en la lingvoj, ĉar fakte ili estas la rezultoj de spertoj de multaj pas.intaj generacioj. Sam.kiel alia esper.anta proverbo diras:

**Proverbo estas sperto, proverbo estas averto.**

***Proverboj ĉe iran.anoj***

Ni iran.anoj bone konas proverbojn, ĉar la persa lingvo estas tre riĉa je divers.specaj proverboj. Unu.flanke kaj niaj mal.novaj kaj niaj sam.tempaj verk.istoj multe util.igis proverbojn en siaj verkoj, kaj ali.flanke nia popolo tre emas al cit.ado de proverboj en siaj inter.paroloj.

***Inter.naci.eco de proverboj***

Ne ĉiu proverbo estas kompren.ebla por ĉiuj – aŭ almenaŭ por plej.multo de – nacioj kaj kulturoj. Ekzemple eskimo eble ne komprenas kion sognifas: **kun.porti karvion al Kermano** (*zire be Kerman bordyn*). Ĉar li probable nek scias pri la karvio nek konas Kermanon, nek konstatas ke Kermano tre riĉas je plej bonaj specioj de karvio… Same estas pri alia persa proverbo **kun.porti vitr.aĵon al Halabo** (*abgine be hylyb bordyn*) aŭ angla proverbo kun tre simila signifo: **kun.porti (ter)karbon**

[1] Bildoj de interreto.

**al Novkastelo** (*to carry coal to Newcastle*). Tamen saman signifon oni povas komuniki trans.nacie per pli kompren.eblaj elementoj, ekzemple: **kun.porti lignon al arb.aro**, ĉar en la plej diversaj lokoj de la tero oni konas lignon kaj arb.aron.

***Esperant.igi persajn proverbojn***
Multaj nunaj proverboj en la persa lingvo de.venas de famaj verkoj de grand.uloj kiel Sadio, Hafezo kaj Moŭlana. Jen kelkaj ekzemploj:

> **Eduk.ado por ne.ind.uloj estas kiel (metado de) juglando sur kupolon** (*Tyrbijyt nayhl ra ĉun gerdykan byr gonbyd yst*).
> **Fino de l' nokto mal.hela estos hela** (*Pajane ŝybe sijyh sepid yst*).

Certe ekzistas ankaŭ la malo, nome mult.am verk.isto util.igis la jam popular.iĝ.intan provrbon en sia verk.aĵo.

Multaj persaj proverboj, se traduk.itaj en Esper.anton (aŭ aliajn lingvojn) povas kompren.iĝi inter.nacie, ĉar iliaj eroj estas inter.nacie re.kon.eblaj, jen kelkaj ekzemploj:

> **En urbo de l' blind.uloj reĝas la unu.okul.ulo** (*Dyr ŝyhre kuran adyme jek-ĉyŝm padeŝah yst*). En *Esper.anta Proverb.aro* de L.L. Zamanhof, ekzistas tre simila proverbo: **inter la blind.uloj reĝas la srab.uloj.**
> **De tero ne pluvas al la ĉielo** (*Yz zymin be asman nemibaryd*)

Iam por Esper.anta proverbo ekzistas multaj persaj proveboj, ekz-e por:

> **Pli bona estas saĝa mal.amiko, ol mal.saĝa amiko.**

En la persa i.a. ekzistas la jenaj:

> *Ĥysme dana ke doŝmyne ĝan yst, behtyr yz dusti ke nadan yst (Qaani)*
> *Doŝmyne dana ke qyme ĝan bovyd, behtyr yz an dust ke nadan bovyd (Nezami)*
> *(Dusti ba myrdome dana nekust,) Doŝmyne dana beh yz nadane dust (Moŭlana)*
> *Doŝmyne dana bolyndyt mikonyd, byr zyminyt mizynyd nadane dust*

**Rimo de proverboj**
Plej.ofte proverboj ĝuas rimon aŭ/kaj aliajn poeziajn ecojn. Tio krom bel.ig.ado, kaj plaĉ.ig.ado, certe heplas al ilia pli facila parker.eblo. Jen kelkaj mal.grandaj kaj rimaj Esper.anto.proverboj el la Zamenhofa *Esper.anta Proverb.aro*:

> **Amo pli kora, dis.iĝo pli dolora.**
> **Amo super.mezura ne estas plezura.**
> **Bono far.ita ne estas perd.ita.**
> **De l' koro spegulo estas la okulo.**

**Esper.anta proverb.aro**

Multaj esper.ant.istoj engaĝ.iĝis pri proverboj kaj est.igis riĉan proverb.aron en Esper.anto. Zamenhof mem kolektis multajn Esper.antajn proverbojn, en libron titol.itan "Esper.anta Proverb.aro". Versio de ĝi estas al.ir.ebla sur la inter.reto. Por trovi ĝin, vi povas serĉi por ties nomo. La libro estas 138-paĝa kaj en.tenas multajn proverbojn laŭ alfabeta ordo de ties unuaj literoj. Jen kelkaj proverboj el la ĉapitro U (proverboj, kiuj komenc.iĝas per u-litero):

**Unu fava ŝafo tutan ŝaf.aron infektas.**
(*Jek boze gyr gyllei ra gyr mikonyd*)

**Unu hirundo printempon ne al.portas.**
(*Ba jek gol byhar nemiŝyvyd*)

**Unu.eco donas fort.econ.**
(*Vahdyt qovvyt mebyĥŝyd*)

**Urtikon frosto ne difektas.**
(*Badenĝane bym afyt nydaryd*)

Ekzistas ankaŭ aliaj TTT.ejoj en kiuj la proverboj estas ord.ig.itaj aŭ trov.eblaj laŭ iliaj temoj. Ekzemple oni povas facile trovi ĉiujn Esper.antajn proverbojn pri *virinoj* aŭ *geedziĝo*.

### Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

averto اخطار averti اخطار دادن averta اخطار دهنده sen.averte بدون اخطار
cerbo مغز، مُخ cerb.umi به‌مغز فشار آوردن en.cerb.igi به ذهن سپردن
ĉielo آسمان ĉiela آسمانی sub.ĉiela زیرآسمان ĉiel.arko رنگین‌کمان (کمانِ آسمانی)
citi نقل (قول) کردن cit.ado نقل قول cit.aĵo مطلب نقل شده cit.ilo گیومه
fakto واقعیت، امر fakte در واقع fakta واقعی
familiara خودمانی familiare به‌طور خودمانی familiar.iĝi خودمانی شدن
flanko طرف unu.flanke از یک طرف ali.flanke از طرف دیگر
frosto (هوای) یخ‌بندان frosti یخ‌بندان بودن frost.o.punkto نقطه‌ی انجماد
hirundo چلچله hirunda مربوط به چلچله hirund.vost.ulo (پروانه‌ی) دُم چلچله‌ای
infekto عفونت infekti عفونی کردن sen.infekt.igi ضدعفونی کردن
jug.lando گردو jug.landa گردویی jug.land.arbo درخت گردو

karvio زیره karvi.hava زیره‌دار sen.karvia بدون زیره
klara روشن، واضح klare به‌وضوح klar.igi روشن کردن، توضیح دادن
kulturo فرهنگ kultura فرهنگی sen.kultura بدون فرهنگ
kupolo گُنبد kupola گنبدی kupol.forma گنبدی‌شکل
nacio ملت inter.nacia بین‌المللی naci.aro (مجموعه‌ی) ملت‌ها
negi نفی کردن neg.ebla قابل نفی ne.neg.ebla غیرقابل نفی
pruvi اثبات کردن pruvo اثبات sen.pruve بدون اثبات
ŝafo گوسفند ŝaf.aro گله‌ی گوسفند ŝaf.ido بره ŝaf.aĵo گوشت یا خوراک گوسفند
sperto تجربه sperti تجربه کردن spert.ulo آدم باتجربه sen.spert.ulo آدم بی‌تجربه
straba لوچ، چپ strab.ismo لوچی strab.ulo لوچ (شخص)
unu یک unu.eco یگانگی، وحدت unuo واحد unu.igi یکی ساختن
urtiko گَزَنه urtiki احساس خارش و سوزش کردن urtik.eca گزنه‌ای، سوزشی، خارشی
vitro شیشه vitr.aĵo آبگینه، چیز شیشه‌ای vitra شیشه‌ای

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. La proverboj ekzistas en ……….. lingvoj.
2. Ni irananoj bone ……….. proverbojn.
3. Ne ĉiu proverbo estas ………... por ĉiuj nacioj aŭ/kaj kulturoj.
4. La persa lingvo estas tre ……..... je proverboj.

B- Respondu:

1. Kiu(j) persa(j) proverbo(j) havas saman signifon kiel: “Valoras ne vesto, valoras en.esto”? Traduku ĝin aŭ ilin en Esperanton.
2. Ĉu ekzistas proverboj kun tute kontraŭaj signifoj? Donu ekzemplojn, kaj traduku ilin en Esperanton.

C- Skribu:

1. Traduku kelkajn Esperanto-proverbojn en la persan.
2. Traduku kelkajn persajn proverbojn en Esperanton.

Ĉ- Diskutu:

1. Ĉu sen proverboj interparoloj estus pli fluaj aŭ malpli fluaj?
2. Kio pli ofte okazas: poetoj citas popolajn proverbojn en siaj poemoj, aŭ poem-pecoj transformiĝas en proverbojn.
3. Ĉu ĝenerale persaj proverboj estas kompreneblaj por aliaj kulturoj? Por kiuj pli, por kiuj malpli?

# درس بیست و پنجم: شاعران قدیمی ایران

# 25-a Leciono: Malnovaj Poetoj de Irano

Ferdoŭsio kaj Moŭlanao: la re.viv.ig.into kaj la etern.ig.into de la persa lingvo[1]

Pri multaj aferoj, la pli novaj ĉiam estas pli bonaj kaj plaĉaj, tamen rilate al poezio, en multaj okazoj, la mal.novaj ŝajnas prefer.ataj per plej.parto de la homoj. Ekzemple se temas pri la persa poezio, kvankam ni havas bon.egajn poetojn nun.tempajn, kies verkoj, ĉu la rimaj, ĉu la sen.rimaj, vere ĝu.indas, tamen neniu povus aserti ke ies poemo nov.tempa povus egali kun tiu de mal.novaj poetoj kiel Hefezo (1320-1389), Sadio (ĉ. 1215- ĉ. 1290) aŭ Moŭlanao (1207-1273). La freŝ.eco kaj viv.ant.eco de poemoj de tiaj poetoj antikvaj, ĝis nun, post pas.ado de pluraj jar.centoj, neniel mal.pli.iĝis! Ekzemple kiam ni legas:

*Byrge deryĥtane sybz dyr nyzyre huŝjar*
*hyr vyryqyŝ dyftyrist, mawrefyte kerdgar*
**Tut.foli.aro de l' verdaj arboj antaŭ okuloj de l' saĝ.ulo,**
**Ĉiu-folie en.tenas kajeron da kon.ig.aĵoj pri l' Far.ulo**

kvazaŭ ĝuste nun Sadio ĉe.estas, kaj poemas tion por ni. Aŭ kiam ajn oni ek.vidas la nov.lunon sur.ĉiele kaj aŭtomate deklamas al si:

*Myzrye sybze fylyk didymo dase myhe noŭ*
*Jadym yz keŝteje ĥiŝ amydo hengame deroŭ*
**La verd.econ de l' ĉielo, kaj la rikolt.il.nov.lunon**
**Mi ek.vidis kaj memoris faron mian, rikolt.ujon**

kvazaŭ estas la unua fojo ke oni aŭdas la eternan vers.duon de Hafezo.

Eĉ sen.poeziaj verkoj de antikvaj beletr.istoj kaj mistik.uloj ĝuas tian freŝ.econ, kio ver.ŝajnas por.ĉiama. Ekz-e kiam Moŭlana en sia proza verko nom.ita *Fihe Ma Fih* (En ĝi estas, kio ĝin en.estas) diras:

*Adymi hymiŝe aŝeqe an ĉiz yst ke nydide vy nyŝenideh yst vy fyhm nykyrdeh yst, vy ŝybo ruz an ra mitylybyd. Vy yz anĉe fyhm kyrdeh yst vy dideh yst, mylulo gorizan yst. (p. 113)*

---

[1] Bildoj de interreto.

**La homo ĉiam amas tion, kion li ne vidis, ne aŭdis, nek komprenis, kaj li tag.nokte serĉas tion. Kaj de tio, kion li jam komprenis kaj vidis, li enuas kaj for.kuras.**

Aŭ ali.loke en la sama verko:

*Moddyti be torŝi ĥu kyrdei; bari, ŝirini ra niz bijazma. (p.227)*

**Jam pasis longe ke vi al.kutim.iĝis al l' amar.eco; iam, provu ankaŭ la dolĉ.econ.**

Ni tute forgesas pri tio ke multaj jar.centoj jam for.pasis ek.de kiam Moŭlana diris tiujn rest.emajn frazojn. Ni sentas lin parol.anta kun ni ĝuste nun tute sincere kaj intime.

La persaj literatur.aĵoj jam traduk.iĝis en multajn lingvojn de la mondo. Esper.anto jam de.longe apartenas al tiuj lingvoj, en kiuj ne mankas pers.aĵoj. Beletre Esper.anto estas tre riĉa kaj kapabla lingvo. Tial, ties literaturo - ĉu la poezia, ĉu la proza - estas tre vasta kaj ampleksa. Samal ankaŭ la traduk.ado de diversaj poezi.aĵoj en ĝin estas tute ebla kaj farinda. Jam ekzistas tradukoj de preskaŭ ĉiuj pli famaj lingvoj en Esper.anto. Eble la unuaj versoj de la persa literaturo, kiuj traduk.iĝis en Esper.anton, estis la robaioj de Kajjam (Ĥyjjam) (ĉ. 1045-ĉ. 1122). Profesoro Gaston Waringhien (1901-1991), elp. Ŭaringien, majstre tradukis multajn robaiojn de Kajjam en Esper.antan poemon. Jen unu el ili:

*Myn hiĉ nydanym ke myra anke sereŝt*
*yz yhle beheŝt kyrd ja duzyĥe zeŝt!*
*Ĝamijo botijjo byrbyti byr labe keŝt,*
*In hyr se myra naqdo tora nesje beheŝt!*

**Ne scias mi, ĉu mia Far.int' antaŭ.medite**
**min al Eden' destinis aŭ al Infero: kvite!**
**Manĝ.eto, am.idolo kaj vin' sur verda herbo,**
**jen tri, kontante: via Eden' estas kredite![2]**

Fakte profesoro Waringhien lernis la persan lingvon nur por povi legi Kajjamajn robaiojn en ties originala lingvo. Tion li rakontas en la en.konduko de sia traduko de la robaioj, titol.ita La Robaioj. Tie li, i.a. diras ke unu.a.foje li kon.at.iĝis kun la robaioj tra ne tiel bona traduko de la poemoj en la franca lingvo. Tamen eĉ trans tia traduko, li povis bone percepti la profundan signifon de la robaioj kaj tre kleran kaj klaran menson de Kajjam mal.antaŭ ili.

---

[2] KAJJAM, Umar. La Robaioj, Trad. G. Waringhien, Antverpeno/La Laguna/Chapeco, TK-Stafeto/Fonto: 1984 (2a eld.), 107 p., robaio numero 30.

Multaj kredas ke la Esper.anta traduko de Kajjamaj robaioj estas la plej bona el la ali.lingvaj tradukoj. Ekz-e Armand Robin nomis la Warenghienan verkon “la plej fidela traduko de Omar Kajjam”[3]. Tian fidel.econ kaj bon.econ, krom la ne.dub.inda majstr.eco de la franca profesoro, kaŭzis la potenco kaj fleks.ebl.eco de la lingvo Esper.anto, kre.ita per alia geni.ulo el Pollando: d-ro L.L. Zamenhof (1859-1917). Nun ĉiu persono en la tuta mondo, kun kiu ajn patrina lingvo, se interes.iĝas pri Kajjam, povas tre facile, tre frue kaj tre mal.kare lerni Esper.anton, kaj ek.legi Kajjamajn robaiojn en “la plej fidela traduko”. Samo povas okazi – kaj jam okazis certa.grade - por ĉiuj aliaj majsto.verkoj de la mondo, kiuj nun estas utilig.eblaj nur por tiuj, en kies patr.ina lingvo la verkoj nask.iĝis. Similo validas ankaŭ pri la sciencaj literatur.aĵoj, sociaj studoj, artaj materialoj, ktp.

Ferdoŭsio per sia verk.ego Ŝahnameo re.viv.igis kaj etern.igis la persan lingvon. Tiel, fakte ankaŭ lia poemo etern.iĝis per la persa. Li mem antaŭ pli ol jar.milo el.diris pri tio kaj pri la rest.emo de la poezio kaj la forto de la lingvo ĝenerale jenel:

*Bynahaje abad gydyd ĥyrab,*
*ze barano yz tabeŝe aftab.*
*Pej yfkyndym yz nyzm kaĥi bolynd*
*ke yz bado baran nyjabyd gyzynd.*
**Prosperaj konstru.aĵoj detru.iĝos iam fine,**
**sekve de la pluv.adoj kaj cel.itaj sun.radie.**
**El.konstruis mi el poezio altan palacon,**
**kiu rezistos kaj la vent.adon kaj la pluv.adon.**

En la nuna mondo Esper.anto povas plen.umi ion similan pri la mondaj literaturoj kaj sciencoj, etern.ig.ante ilin por ĉiuj homoj de la tero tute egale kaj por.ĉiame

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

amara تلخ amar.eco تلخی amar.igi تلخ کردن mal.amara شیرین
aparteni تعلق داشتن aparten.ado تعلق aparten.aĵoj متعلقات
aserti ادعا کردن aserto ادعا asert.anto مدعی asert.ita ادعاشده
dolĉa شیرین dolĉ.eco شیرینی، حلاوت dolĉ.iĝi شیرین شدن mal.dolĉa تلخ
dubi شک داشتن dub.ema شکاک ne.dub.inda مُبرهن، واضح sen.dube بدون شک
Edeno عدن (بهشت) edena عدنی edene در عدن
enui ملول بودن enu.iga ملالت‌آور mal.enu.iga سرحال‌آور enu.iĝi ملول شدن

[3] El: La Nouvelle Revue Francaise, Nov. 1958, citita en la antaŭparolo de La Robaioj.

گذشته est.into حال est.anto غایب بودن for.esti حاضر بودن ĉe.esti بودن، اَستن esti
جاودان‌کننده etern.ig.into جاوید ساختن etern.igi ابدی، جاویدان eterna
بی‌وفا sen.fidela خائن mal.fidela با وفاداری fidele وفاداری fidel.eco وفادار fidela
انعطاف‌پذیری fleks.ebl.eco قابل انعطاف fleks.ebla منعطف fleksa
تازه شدن مجدد re.freŝ.iĝi تازگی، طراوت freŝ.eco تازه، باطراوت freŝa
نابغگی geni.ul.eco نابغه geni.ulo نبوغ genio با نبوغ، ژنی genia
بت‌پرست idol.ano بت‌پرستی idol.kulto بُت، صنم idolo
افراد خودمانی intim.uloj خودمانی intima به‌طورخودمانی intime
سال‌نامه jar.libro درپایان سال jar.fine سده، قرن jar.cento دهه jar.deko سال jaro
جلد دفتر kajer.kovr.ilo کیف kajer.ujo دفترچه kajer.eto دفتر kajero
توانایی، قدرت kapablo قادر ساختن kapabl.igi قادر بودن kapabli قادر kapabla
مدخل، مقدمه en.konduko به‌داخل هدایت کردن en.konduki هدایت کردن konduki
نقدینگی kontant.aĵo نقدی kontanta نقد kontante
اعتبار دادن krediti اعتبار kredito نسیه (براساس اعتبار) kredite
شروع به دویدن کردن ek.kuri دوان، جاری kur.anta گریختن for.kuri دویدن kuri
عادت دادن (به) kutim.igi عادت کردن (به) (al.)kutim.iĝi عادت kutimo
مهتاب، نور ماه lun.lumo ماه کامل، بدر plen.luno هلال ماه nov.luno ماه luno
پیش‌اندیشانه، با پیش‌اندیشی antaŭ.medite ژرف‌اندیشی medit.ado اندیشیدن mediti
گذشته pas.int(ec)o درگذشتن for.pasi عابران (preter.)pas.antoj گذشتن pasi
ترجیح prefero مرجح prefer.ata ترجیح دادنی prefer.inda ترجیح دادن preferi
ناعمیق ne.profunda کم‌عمق mal.profunda عمق profundo عمیق profunda
ناموفق بودن، خراب بودن mal.prosperi آباد بودن، روبه‌راه بودن prosperi آباد، روبه‌راه prospera
درو شده rikolt.ita دروگر rikolt.isto داس rikolt.ilo درو کردن rikolti
بدون قافیه، سپید sen.rima هم‌قافیه شدن rim.iĝi قافیه rimo
نادان، جاهل mal.saĝa شخص دانا saĝ.ulo عاقل، دانا saĝa
افراد صمیمی sincer.uloj صمیمی sincera صمیمانه sincere
احیاکننده re.viv.ig.into دوباره زنده کردن، احیا کردن re.viv.igi زندگی کردن vivi

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. La poemoj de la grandaj persaj poetoj, kiel Sadio, Hafezo kaj Moŭlana ĝis nun konservis sian ……….. .
2. En la nuntempa beletro de la persa, ĉu la poezia, ĉu la ……….. ekzistas multaj majstroverkoj.
3. Poeziaĵoj precipe la malnovaj estas rimaj, sed la prozaĵoj plejparte, ĉu la nunaj, ĉu la malnovaj estas ………. .
4. Kiam ajn oni ekvidas la novlunon sur la verdeca ĉielo, oni ekmemoras pri la fama gazalo de ……….. .
5. Prof. G. Waringhien tre bele kaj fidele tradukis la ………. de Kajjam.

B- Respondu

1. Kio estas la poezio?
2. Kio estas la prozo?
3. Ĉu ekzistas senrima poeziaĵo? Kiel oni nomas tion?
4. Ĉu en la nuntempa poezio de la persa lingvo ekzistas multaj ĝuindaj verkoj? Nomu ties verkintojn.
5. Kion laŭ Moŭlana la homo amas, kaj kion ne?
6. La novluno kion memorigis al Hafezo?
7. Kial profeoro Waringhien lernis la persan lingvon?

C- Skribu:

1. Kiujn persajn poetojn vi pli ŝatas? Kial?
2. Kiujn persajn prozistojn vi preferas? Kial?
3. Prezentu persan verkon, kiu plaĉis al vi.
4. Kion vi dezirus traduki en Esperanton el la persa lingvo?

Ĉ- Diskutu:

1. Kio pli frue aperis en diversaj lingvoj: ĉu la poezio aŭ la prozo?
2. Kio estas diferencoj kaj similaĵoj inter poezio kaj prozo?
3. Komparu malnovan riman poezion kun la nova senrima poezio.
4. Kio estas pli malfacile: verki riman aŭ senriman poeziaĵon?
5. Kio estas la utiloj de tradukado de diverslingvaj materialoj en Esperanton?

## درس بیست و ششم: دنیای ایده‌آل

## 26-a Leciono: La Ideala Mondo





Bertrand Russell, unu el la plej grandaj matematik.istoj kj filozofoj de la 20a jar.cento[1]

La ideala mondo eble diferencas laŭ ĉiu persono, tamen probable ĉies idealaj mondoj ĝuas ankaŭ komunajn karakter.iz.aĵojn. Ĉi tie ni pri.parolas dezir.atan mondon, en kiu la homoj povus kun.vivi pli pac.eme kaj harmonie ĉu kun si mem, ĉu kun la aliaj, kaj ĉu kun la naturo.

Bertrand Russell (1872-1970), elp. Rasel, angla filozofo, matematik.isto kaj verk.isto, en sia verko *La Perspektivoj de Industria Civilizacio*[2] diris:

> "Por savi la mondon oni bezonas kredon kaj kuraĝon: kredon pri racio kaj kuraĝon por proklami tion, kion racio montras esti vera."

En alia verko, titol.ita *Novaj Esperoj por Ŝanĝ.iĝ.anta Mondo*[3] Russell dividis la rilat.aron de la homo en tri apartajn grupojn:

1. Inter.ago inter la homo kaj si mem.
2. Inter.ago inter la homo kaj la aliaj homoj.
3. Inter.ago inter la homo kaj la naturo.

Laŭ tiuj ĉi tri kategorioj jene ni traktas la idealan mondon.

**Inter.ago inter la homo kaj si mem.**

Kvazaŭ la rilato de la homo kun si mem forte de.pendas de liaj rilatoj kun lia ekstera mondo, kion konsist.igas la aliaj homoj kaj la naturo, tiel ke kiam oni ĝuas bonajn rilatojn kun la aliaj, tio bon.efikas lian inter.rilaton kun si mem. Eble oni povus diri ke en homa desegn.ado aŭ kre.ado lia konscienco tiel aranĝ.iĝis ke se li

---

[1] Foto kaj karikaturo de interreto.
[2] The prospects of industrial civilization
[3] RUSSELL, Bertrand. New hopes for a changing world, New York: Simon & Schuster, 1951

bon.kondutas kun siaj sam.speci.uloj, lia konscienco re.kompencos tion per interna gaj.iĝo; kaj certe ankaŭ la malo validas, t.e. se li mal.bon.kondutas kun la aliaj – kvankam li ŝajne eble eĉ akiras materialan profiton provizoran – lia konscienco ne lasos lin komforta: li ne ĝuos trankvilon, ne dormos komforte, mal.havos pozitivan inter.agon kun si mem, lia labor.forto mal.pli.iĝas, ktp. Eble tial la frap.frazo de la plej nova filmo de Bahman Farman-ara (1941-), nom.ata *jek buse kuĉulu* t.e. Kis.eto aŭ Kiel Kis.eto, estas: "Se via konscienco estas komforta, morto estas kiel kis.eto.".

Samo validas pri la homa konduto kontraŭ la naturo. La ĉefaj elementoj, kiuj est.igas la naturon estas: la aero, la akvo (fontoj, riveroj, lagoj, maroj, …), la tero (minoj, montoj, …) kaj la bestoj. Kiam oni faras ion bonan aŭ bon.rezultan pri ĉiu el la naturaj elementoj, oni sentas sin interne gaja kaj kontenta. Ekz-e se iu plantas arbon kaj bone kresk.igas ĝin, ĉiam kiam li vidas la arbon, li sentas bone kaj kontente en sia eno. Male, se ali.ulo faras ion kontraŭ natur.aĵo, ekz-e poluci.igas river.akvon kaj tio mort.igas ties fiŝojn, li ĉiam mal.bon.sentos vid.ante – aŭ eĉ re.memor.ante pri la rivero kaj la pere.intaj fiŝoj.

**Interago inter la homo kaj la aliaj homoj.**

Iu.sence ankaŭ la aliaj homoj estas parto de la naturo. Homo apartenas al la animaloj, sed ne al bestoj, probable ĉar la homo – laŭ nia scio – estas la nura mem.konscia viv.anto sur la tero, kiu ankaŭ ĝuas tre progres.intan kaj precizan lingvon. Ĉiu.okaze havi inter.rilaton kun la aliaj homoj povas esti pli mal.facile ol kun la aliaj natur.aĵoj, unue ĉar la homaj re.agoj ne estas tiel facile antaŭ.vid.eblaj kiel estas pri la besoj kaj aliaj natur.aĵoj, kaj due ĉar neniu homo estas kiel la alia, ĉu laŭ.aspekte, ĉu laŭ la kondutoj kaj pens.maniero. Eble tial laŭ ŝejko Abu-Said Abol-Ĥejr (967-1049), unu el la plej grandaj mistik.uloj iranaj, la plej malfacila miraklo de la homo estas lia viv.ado kun la aliaj homoj:

> **Nian ŝejkon oni diris: "Iu persono voj.iras sur la akvo!"**
> **Li diris: "Tio facilas! Ankaŭ rano kaj paser.eto povas iri sur.akve."**
> **Oni diris: "Alia persono flugas en la aero!"**
> **Li diris: "(Ankaŭ) korniko kaj muŝo flugas en la aero."**
> **Oni diris: "Iu persono dum momento iras de urbo al alia urbo!"**
> **La ŝejko diris: "Ankaŭ satano dum unu en.spiro iras de oriento al okcidento; tiaj agoj ne estas tiel valoraj. La (mirakla) viro estas tiu, kiu povas vivi inter la popolo kaj inter.agi kun ili kaj kun.iĝi kun la popolo, kaj dume (eĉ) momenton ne forgesi pri la dio."**

**Inter.ago inter la homo kaj la naturo.**

Unu el la ĉefaj karakter.iz.aĵoj de la nuna erao, estas la ekolog.iaj katastrofoj, kiujn la homo kaŭzis en diversaj partoj de la tero. Feliĉe oni jam tion konstatis kaj komencis mal.pli.igi la poluci.igon de la medio.

Se ni rigardu historie, unue la homo estis kapt.ita en la manoj de la naturo, kaj li nenion povis fari kontraŭ ĝi. Ekz-e, post mal.lum.iĝo, li nenion povis fari, krom la dorm.ado, aŭ li nenion sciis pri inundoj kaj aliaj kataklismoj, sekve la homo kapablis fari nenion por kontraŭ.stari ilin. Iom.post.iome, la homa scio kaj kapablo pli.iĝis tiel, ke nun fakte la naturo estas grand.parte kapt.ita en la manoj de la homo. Esper.eble future la homo lernos inter.agi kun la naturo tiel, ke nek la naturo nek la homo en.danĝer.iĝos.

Ŝlos.ilan rolon en tiu ĉi rilato ja ludas la brul.aĵoj. Se la homo vere povos trovi kaj util.igi sen.polucian energi-fonton, anstataŭ la nunaj fosiliaj hejt.aĵoj – kiel la petrolo, gaso, ligno ktp – multaj hom.far.itaj problemoj sur la tero fin.iĝos.

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

agi عمل کردن، کنش داشتن re.ago واکنش، عکس العمل inter.ago کنشِ متقابل، تعامل
civilizacio تمدن civilizacia مربوط به تمدن antaŭ.civilizacia مربوط به قبل از تمدن
danĝero خطر en.danĝer.iĝi به‌خطر افتادن en.danĝer.igi به‌خطرانداختن
desegni طراحی کردن desegn.ado طراحی desegn.anto طراح desegn.aĵo طرح
deziri میل داشتن dezir.ata مورد تمایل bon.deziroj آرزوهای خوش
dividi تقسیم کردن divid.ebla قابل قسمت ne.divid.ita تقسیم نشده
ekologo بوم‌شناس ekolog.io بوم‌شناسی ekolog.ia بوم‌شناختی
filozofo فیلسوف filozof.io فلسفه filozof.ia فلسفی
harmonio هماهنگی harmonia هماهنگ ne.harmonia ناهماهنگ
ideala ایده آل، آرمانی ideal.ismo ایده آلیسم، آرمان‌گرایی ideal.isto ایده آلیست، آرمان‌گرا
industrio صنعت industria صنعتی industri.iĝi صنعتی شدن
inundo سیل، طغیان inundi با سیل فراگرفتن inunde سیل‌آسا
iri رفتن voj.iri راه رفتن voj.ir.anto رهرو، راه‌رونده re.iri باز رفتن، دوباره رفتن
karaktero شخصیت، نهاد karakter.izi مشخص کردن karakter.iz.aĵo وجه مشخصه
kataklismoj بلایای طبیعی kataklisma مربوط به بلایای طبیعی kataklisme مانند بلایای طبیعی
kategorio مقوله kategoria مقوله‌ای، مُتقن kategorie به‌طور مقوله‌ای یا مُتقن
konduto رفتار konduti رفتار کردن bon.konduti خوش‌رفتاری کردن

konsisti تشکیل شدن konsist.igi تشکیل دادن konsist.aĵoj اجزای تشکیل دهنده
kontenta راضی kontent.iĝi راضی شدن mal.kontenta ناراضی
korniko کلاغ kornik.ido جوجه کلاغ kornik.ino کلاغ ماده
kredi باور داشتن، اعتقاد داشتن kredo اعتقاد، باور، ایمان krad.anto معتقد، مومن
krei خلق‌کردن، آفریدن kre.anto خالق، آفریننده kre.ito مخلوق، آفریده
kuraĝo شجاعت، شهامت kuraĝa شجاع kuraĝe شجاعانه sen.kuraĝa بدون شجاعت
matematiko ریاضیات matematika ریاضی matematik.isto ریاضی‌دان
muŝo مگس muŝe مانند مگس vinagr.o.muŝo مگس سرکه
okcidento غرب okcidenta غربی okcident.anoانسان غربی okcident.e.n به‌طرف غرب
oriento شرق orienta شرقی orient.ano انسان شرقی orient.e.n به‌سوی شرق
paco صلح pac.ema صلح‌گرا pac.ama صلح دوست paca صلح‌آمیز mal.paco قهر
pasero گنجشک paser.ido بچه‌گنجشک paser.eto گنجشک کوچک
pendi آویزان بودن de.pendi بستگی داشتن sen.de.penda مستقل، بدون وابستگی
perei نابود شدن pere.anto فانی pereo نابودی، فنا pere.inta نابود شده، فناشده
perspektivo دورنما(ی سه‌بعدی) perspektive به‌صورتِ دورنما sen.perspektiva بدونِ دورنما، بدون آینده
polucio آلودگی poluci.igi آلوده کردن poluci.iga آلوده کننده sen.polucia بدون آلودگی
proklami اعلام کردن proklam..ado اعلام، اعلان proklam.iĝi اعلام شدن
racio خِرد، عقل racia خردمندانه raci.ismo خردگرایی
rano وزغ ran.ido بچه‌وزغ ran.eto وزغ کوچک ran.id.eto بچه‌وزغِ کوچک
rilato رابطه inter.rilatoj روابط متقابل ĉi.rilate دراین رابطه rilat.igi ربط دادن
ŝanĝi تغییر دادن ŝanĝ.iĝi تغییر یافتن ŝanĝ.iĝ.anta متغیر sen.ŝanĝa بدون تغییر
satano شیطان satana شیطانی satan.eska شیطان‌مانند satene مثل شیطان
ŝlosi قفل‌کردن (کلید کردن) ŝlos.ilo کلید ŝlos.ila کلیدی (مهم)
specio گونه، نوع (حیوانی یا گیاهی) specia مربوط به گونه sub.specio زیرگونه
spiri تنفس کردن en.spiro دَم el.spiro بازدَم spirado تنفس
trakti بررسی کردن trakt(.ad)o بررسی trakt.aĵo مقاله
valoro ارزش valora باارزش valor.aĵoj چیزهای باارزش valori ارزش (چیزی را) داشتن
vivi زندگی کردن kun.viv(.ad)o همزیستی viv.antoj زندگان viv.o.plena پر از زندگی، سرشار از حیات

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Bertrand Russell estas angla …………., matematikisto kaj verkisto.
2. Laŭ Russell homaj interrilatoj povas dividiĝi en ………. kategoriojn.
3. La plej granda miraklo laŭ ŝejko Abu-Said estas vivi inter la …………. .
4. Por poluciigi la medion, la brulaĵoj havas ………….. rolon.
5. Unu el la ĉefaj karakterizaĵoj de la nuna tempo, estas la ekologiaj …………., kiujn la homo kaŭzis sur la tero.

B- Respondu:

1. Kiel oni povas dividi la rilataron de la homo?
2. Kiel ŝanĝiĝis la rilatoj inter homo kaj la naturo dum la historio?
3. Ĉu nun la naturo estas en la manoj de la homo, aŭ male?
4. Kio estas Bertrand Russell?

C- Skribu:

1. Kion la homo povas fari nun kontraŭ la kataklismoj?
2. Skribu pri filozofo aŭ/kaj filozofio, kiu pli plaĉas al vi.

Ĉ- Diskutu:

1. Kia estus la ideala rilataro inter la homo kaj la naturo?
2. Kiel niaj rilatoj kun la naturo povas efiki niajn rilatojn kun la aliaj homoj?
3. Ĉu la homo povos venki ĉiujn naturajn fortojn? Ĉu tio dezirindus?
4. Ĉu la homa rilato kun si mem ne estas la ĉefa kaŭzo de ĉiuj malbonaj rilatoj?

| درس بیست و هفتم: نانوتکنولوژی | |
|---|---|
| **27-a Leciono: Nanoteknologio** | |
|  |  |
| Art.ista imago pri nanoboto (**nano.**teknologia ro**boto**): la nanoboto kapt.inte ruĝan globulon, kaj povas injekti ion rekte en la globulon, kaj povas mal.injekti (el.suĉi) likvaĵon el ĝi pere de sia nano.injekt.ilo.[1] | Nano.teknologio ĉefe signifas konstrui ion atomon post atomo: nano.teknologia planeda dent.rad.et.aro.[2] |

Unu el la esper.igaj fenomenoj por la homa dis.volv.ado en la proksima futuro estas nano.teknologio. Ĝis nun oni difinis ĝin multel. Ekz-e en ret.paĝo[3] oni kolektis ĉirkaŭ 20 tre diversajn kaj interesajn difinojn el variaj fontoj. Laŭ unu el ili, eble la plej mal.longa, nano.teknologio estas "Teknologio, kiu ŝanĝas atomojn por krei ion novan".[4] Laŭ alia difino, ĝi estas "atoma inĝenier.ado – la kapablo el.pensi mem.re.produktajn maŝinojn, robotojn, kaj komput.ilojn, kiuj estas tiom grandaj kiom molekulo".[5]

Pli detalan difinon oni trovas sur ret.paĝo de NASA (Nacia Aeronaŭtika kaj Spaca Agent.ejo)[6]:

> "Nano.teknologio estas la kre.ado de funkciaj materialoj, aparatoj kaj sistemoj per kontrol.ado de materio en la nano.metra skalo (1-100 nanometrojn), kaj ekspluato de novaj fenomenoj kaj propr.ecoj (fizikaj, kemiaj, biologiaj, mekanikaj, elektrikaj...) ĉe tiu skalo. Por komparo, 10 nano.metroj estas 1000-oble pli mal.granda ol la diametro de homa haro. Scienca kaj teknika revolucio ĵus komenc.iĝis sur.baze de la kapablo sisteme

---

[1] Foto de interreto.
[2] Foto de interreto.
[3] De interreto.
[4] De interreto
[5] De interreto
[6] National Aeronautics & Space Agency

organizi kaj manipuli materion en nano.skalo. Bon.rezultoj de nano.teknologio estas antaŭ.vid.eblaj dum la sekv.ontaj 10-15 jaroj.”[1]

Sed kial grandaj organizoj kiel NASA kaj aliaj, tiel interes.iĝas pri nano.teknologio? Respondon ni trovas parte sur sama ret.paĝo, sub titolo “Kial Nano.teknologio ĉe NASA?”. Jen la ĉefaj kialoj kaj motivoj menci.itaj tie:

“1- Progres.inta miniatur.ig.ado estas ŝlos.ila puŝ.tereno, kiu ebl.igas novajn sciencajn kaj esplorajn misiojn:

- Ultra.etaj sens.iloj, potenco.fontoj, komunik.ado, navig.ado, kaj pel.adaj sistemoj kun tre etaj masoj, volumenoj kaj potenco.konsumo estas bezon.ataj.

2- Revolucioj en elektron.iko kaj komput.ado ebl.igos re.aranĝ.eblajn, mem.starajn, "pens.antajn" kosmo.ŝipojn.

3- Nano.teknologio prezentas tute novan spektron de ebl.ecoj por konstrui aparat.erojn kaj sistemojn por tute novaj spaco.arkitekturoj:

- Retoj de ultra.etaj spac.sond.iloj sur planedaj surfacoj.
- Mikro.vag.antoj, kiuj povas veturi, salt.et.adi, flugi, kaj fosi.
- Aro da mikro.spac.vetur.iloj, kiuj faras variajn mezur.adojn.”

Sur alia ret.paĝo[2], responde al demando de Liezhao Xie: “Kio estas nano.teknologio kaj kial oni tiom parolas pri ĝi en la komput.ila industrio?”, ekspert.ino el Londono, Sally Riordan, magistro labor.anta kiel administr.ada konsult.isto, respondis:

”Nano.teknologio komenc.iĝis kiel termino por pri.skribi esplor.adon, kio okazas en tre mal.grandaj skaloj - ĉe la nivelo de nano.metroj. Unu nano.metro estas unu miliard.ono de metro - ĉirkaŭ la grand.eco de 3 atomoj. Tamen ĉiam pli kaj pli ofte, ĝi estas uz.ata por pri.skibi inĝenier.adon en la molekula nivelo - konstrui aĵojn atomon post atomo. Kiam ni kopias ion de unu komput.ilo al alia, ni re.produktas datenon kiel serion da 0-oj aŭ 1-oj, t.e. sin.sekvo da ciferoj kio estas ten.ata kiel informo ene de la komput.ila disko.spaco. Sed supozu, ke ni povus re.produkti ion molekulon post molekulo - ne nur kopii informon, sed kopii tion, el kio io estas far.ita!? Fina celo de la serĉ.ado estus krei foto.kopi.ilon (Xerox-maŝinon, elp. Ziraks-), kio kopias objektojn! Tio povus aŭtomat.igi la fabrik.adan industrion, kaj la preciz.eco de tiaj procedoj nepre trovus aplik.adon en operacio, aviad.ila vojaĝ.ado, eduk.ado, manĝ.aĵ.dis.volv.ado, komput.ado, ... eble preskaŭ ĉiu kampo de homaj klopodoj, kaj ankaŭ krei iujn tute novajn aplikojn tra.voje. Eble ĝi neniam povos atingi tiel for - kaj

[1] De interreto.
[2] De interreto.

estas bezonata iom da tempo antaŭ ĝi atingos ien ajn - sed tio estas la perspektivo de nano.teknologio pov.unta montr.iĝi unu el la plej grandaj teknikaj antaŭ.e.n.saltoj en la homa historio, kio kreas ĉiujn ĉi pri.parolojn..."

Esper.eble dum la ven.ontaj jaroj ni vidos okul.frapajn progresojn pri nano.teknologio kaj la hom.aro ek.ĝuos ties utilajn rezultojn. Pli esper.eble oni ne ek.mis.uzos ĝin por ne.humanaj celoj kaj detru.ado.

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

aranĝi منظم کردن re.aranĝi تنظیم کردن (مجدد) re.aranĝ.ebla قابل تنظیم مجدد

arkitekturo معماری spac.o.arkitekturo معماری فضا arkitektura مربوط به معماری

atomo اتُم atoma اتمی dis.atomi شکافتن هسته‌ی اتم

bazo پایه، بنیاد sen.baza بی‌پایه sur.baze de بر پایه‌ی baza بنیادی، پایه(ای)

diametro قطر diametra قطری du.on.diametro شعاع (نیم‌قطر)

difino تعریف difini تعریف کردن ne.difin.ebla غیرقابل تعریف

eksperto متخصص، خبره ekspert.ino خانمِ متخصص ekspert.iĝi متخصص شدن

ekspluati بهره‌گیری کردن eksplut(.ad)o بهره‌گیری ekspluat.ebla قابل بهره‌برداری

funkcio عمل‌کرد funkcii عمل‌کرد داشتن funkci.anta دارای عمل‌کرد

globulo گُلبول ruĝ.globulo گُلبولِ قرمز blank.globulo گلبولِ سفید

haro مو okul.haro مُژه har.fend.ulo موشکاف kap.haro موی سر har.aro گیسوان

inĝeniero مهندس ĉef.inĝeniero سَرمهندس inĝenier.ado مهندسی

injekti تزریق کردن injekt.ilo سُرنگ mal.injekti گرفتن (خون و ... با سُرنگ)

kolekti جمع آوری کردن kolekto مجموعه kolekt.anto کلکسیونر

konsumi مصرف کردن konsumo مصرف konsum.anto مصرف کننده

kosmo کیهان kosm.o.ŝipo سفینه‌ی کیهان‌نورد kosm.ologio کیهان‌شناسی

mencii ذکر کردن menci.inda شایسته‌ی ذکر menci.ita ذکرشده، مذکور

molekulo مولکول molekula مولکولی gram.molekulo مولکول‌گِرَم

motivo انگیزه sen.motiva بدون انگیزه motivi انگیزه‌دار کردن، انگیزه بخشیدن به

navigi ناوبری کردن navig.ejo محل فرماندەی ناو navig.ado ناوبری
peli راندن pel.ada رانشی pel(.ad)o رانش
pensi فکر کردن pens.ema فکور el.pensi ابداع کردن (با فکر) pensuloj متفکران
planedo سیاره planed(.ar)a سیارەای، منظومەای (خورشیدی) inter.planeda بینِ سیارەای
potenco نیرو potenc.o.konsumo مصرف نیرو potenc.o.fonto منبع نیرو
produkti تولید کردن re.produkti تولیدمثل کردن mem.re.produkta خود-تولیدمثل‌کن
progreso پیشرفت progres.inta پیشرفته progres.anta درحال پیشرفت
propra اختصاصی propr.aĵo ویژگی propr.eco خصوصیت
rado چرخ dent.rado چرخ‌دنده dent.rad.et.aro دستگاهی از چرخ‌دنده‌های کوچک
revolucio انقلاب revolucia انقلابی revolucii انقلاب کردن در
rezulto نتیجه rezulti نتیجه دادن bon.rezultoj نتایج خوب sen.rezulta بدون نتیجه
roboto روبوت (آدم‌آهنی) robota روبوتی robot.iko علم مربوط به روبوت‌ها
ŝanĝi تغییر دادن ŝanĝ.iĝi تغییر کردن ŝanĝ.ebla قابل تغییر sen.ŝanĝa بدون تغییر
skalo مقیاس laŭskala بامقیاس mond.skale درمقیاس جهان sen.skale بدون مقیاس
spektro طیف spektr.oskopo طیف‌نما spektr.oskopio طیف‌شناسی
stari ایستادن mem.stara مستقل، خودایستا sol.star.ivo تک‌ایستا (کلمەی بدونِ پایانه)
teknologio فن‌آوری، تکنولوژی teknologia مربوط به فن‌آوری nano.teknologio فن‌آوریِ نانو
ultra ماورای، فوقِ ultra.eta فوق‌العاده ریز ultra.violo ماورای بنفش، فوق بنفش

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Nanoteknologio espereble fruktodonos en la ............. futuro.
2. Nanoteknologio estas en skalo de .............. kaj molekuloj.
3. Laŭ NASA ............... de nanoteknologio estas antaŭvideblaj post 10-15 jaroj.
4. Unu nanometro estas unu ................ de metro.
5. La grandeco de 3 atomoj estas ............. unu nanometro.

B- Respondu:

1. Kio estas difinoj de nanoteknologio?
2. Kio estas la skalo de nanoteknologio?
3. Kial organizoj kiel NASA interesiĝas pri nanoteknologio?
4. Kio estas fina celo de nanoteknologio?
5. Kio reproduktiĝos pere de nanoteknologio?

C- Skribu:

1. Ĉu nanoteknologio povas havi malbonajn rezultojn?
2. Komparu nanoteknologion kun la ĝisnunaj teknologioj.

Ĉ- Diskutu:

1. Ĉu nanoteknologio ŝanĝos nian ĉiutagan vivadon?
2. Kiel nanoteknologio povus malutili al la homaro?
3. Kiel oni povus malhelpi misuzojn de novaj teknologioj, kiel nanoteknologio?

## درس بیست و هشتم: شاعران جدید ایران

## 28-a Leciono: Novaj Poetoj de Irano

Forug kaj Sohrab la plej famaj poetino kaj poeto de nuntempa Irano[1]

Pli novajn poem.formojn oni nomis per diversaj titoloj en mal.samaj lingvoj: blanka poemo, nova poezio, sen.rima poemo, libera verso ktp.

Eble multaj personoj opinias ke la verk.ado de rimaj mal.novaj poemoj estas multe pli mal.facila ol verk.ado de la novaj sen.rimaj poemoj. Tamen, ŝajnas vere ke ankaŭ la malo povas validi. Se ni akceptas ke la poemo – ĉu la mal.nova, ĉu la nova - devas esti agrabla kaj bel.sona por la leg.anto, tiam ni konstatas ke la rimo estas granda helpo al sona bel.ig.ado por la mal.novaj poetoj kaj poemoj. Do oni povas diri ke la laboro de la nova poeto, kiu volas krei belan poemon sen helpo de la rimo, eblas esti eĉ pli mal.facila. La nova poeto devas bel.igi kaj agrabl.igi sian poemon ankaŭ laŭ.sone ne.util.ig.ante la rimon kaj metrikon. Tio certe ne estas ĉies laboro, kaj ĝuste tial ekzistas tro multaj nov.poemoj, kiuj ne tiel plaĉas al multaj homoj. Sekve, nur certaj poemoj de certaj poetoj sukces.iĝis en.iri la eternan trezoron de la beletro.

Nun ni vidu, kiel la poeto povas plaĉ.igi sian verkon sen util.ig.ado de rimoj kaj aliaj poeziaj bel.ig.aĵoj? Eble ili povas plen.umi tion per pli potenca util.igado de aliaj rimedoj, kiel imago, aliteracio, trafaj simil.ig.adoj, metaforoj, k.s.. Sed kio pri la vorta kaj sona estetiko? Kion la nov.poetoj povas fari sur tiu ĉi tereno? Flua vort.ado, bela vort.elekto kaj novaj kun.metoj certe povas helpi multe. Kiel ekz-on, ni konsideru jenan poem.eron de Sohrab Sepehri (1928-1980):

*Ta ynari tyryki byrmidaŝt*
*Dyst fyvvareje ĥaheŝ miŝod!*
*(yz: Sedaje Paje Ab)*

---

[1] Fotoj de interreto.

**Ĵus kiam krevis granato**
**La mano ek.iĝis dezir.fontano!**
(el: La Pied.ir.sono de l' Akvo)

En la supraj du mal.longaj versoj, Sohrab tute nov.ece prezentis kelkajn aferojn kune:

1. Li bele kaj trafe simil.igis la ek.krevon de granato al ek.bon.aĵoj okaz.antaj al ni kaj nia vivo.
2. En la dua verso, Sohrab ne nur simil.igis la ek.supr.e.n.iron de la mano al fontano, sed ankaŭ al dezir.fontano, kio mem estas nov.eme bel.ega kun.meto kaj metaforo. Do temas pri trafa du.obla simil.ig.ado kaj metaforo.
3. La homa ekscit.iĝo antaŭ la (natur)favoroj vere delikate kaj nuance estas esprim.ita.
4. La flu.eco de la versoj ne estas neg.ebla, kvankam nek rimo nek ritmo estas util.ig.itaj.

Aŭ, en alia poem.ero, eble kun multe pli da delikat.aĵoj, traf.aĵoj kaj nuancoj, li diris:

*Yz ĉe deltyng ŝodi?*
*Delĥoŝiha kym nist:*
*Mysylyn in ĥorŝid,*
*Kudyke pysfyrda,*
*Kyftyre an hyfte.*
*(Yz: Ĝonbeŝe Vaĵeje Zist)*

**Pro kio vi trist.iĝis?**
**Kor.ĝoj.ig.aĵoj ne mal.multas,**
**kiel ekzemploj: tiu ĉi suno,**
**post.morgaŭa infano,**
**ven.ont.semajna kolombo.**
(el: La Mov.iĝ.emo de l' Vorto Vivo)

Jam pasis pli ol du.on.jar.cento ek.de kiam Sohrab el.donis sian unuan poem.aron (en 1951). Tiom da tempo sufiĉas por pruvi la sukceson kaj akcept.iĝon de lia poema lingv.aĵo ĉe la persa leg.ant.aro.

Aliaj sukcesaj poetoj de nun.tempa Irano, kiuj jam etern.igis sian nomon en la persa nov.poemo inkluzivas, kiel ekz-ojn, Ferejdun Moŝiri (1926-2000), Forug Farroĥ-zad (1935-1967) kaj Hamid Mosaddeg (1938-1998). Ĉi-sube ni legas du poem.erojn de Forug:

*Hyme midanynd, hyme midanynd*
*Ke myno to yz an roŭzyneje syrde ybus*
*Baq ra didim*
*Vy yz an ŝaĥeje bazigyre dur yz dyst*
*Sib ra ĉidim.*
*Hyme mityrsynd, hyme mityrsynd, ymma myno to*

*Be ĉeraqo abo ajne pejvystim*
*Vy nytyrsidim.*
*(Yz: Fythe Baq, dyr: Tyvallodi Digyr)*

**Ĉiuj scias, ĉiuj scias**
**ke vi kaj mi tra tiu frida apertur' severa**
**ek.vidis la ĝardenon**
**kaj de tiu lud.ema branĉo for.de.mana**
**de.ŝiris la pomon.**
**Ĉiuj timas, ĉiuj timas, sed vi kaj mi**
**al.iĝis al la lum.ig.ilo kaj akvo kaj spegul'**
**kaj ne timis.**
(el: La Konkero de l' Ĝarden', en: Alia Nask.iĝo)

* * *

*Aja dobare gisovanym ra*
*dyr bad ŝane ĥahym zyd?*
*Aja dobare baqĉe-ha ra bynyfŝe ĥahym kaŝt?*
*Vy ŝymwdani-ha ra*
*Dyr asmane poŝte pynĝere ĥahym gozaŝt?*
*Aja dobare byr ruje livan-ha ĥahym ryqsid?*
*Aja dobare zynge dyr myra besuje entezare seda ĥahyd bord?*
*(Az: Iman Bijavyrim be Aqaze Fysle Syrd)*

**Ĉu mi de.nove kombos mian har.aron**
**kontraŭ la vent'?**
**Ĉu mi de.nove plantos penseojn en la ĝarden'?**
**Ĉu l' geraniojn**
**mi metos en l' ĉielon mal.antaŭ la fenestr'?**
**Ĉu sur l' glasoj mi dancos de.nove?**
**Ĉu la pord.sonor.ilo de.nove portos min al voĉ.atend.ado?**
(el: Ni Ek.kredu la Komenc.iĝon de l' Frida Sezon')

Feliĉe ĝis nun jam traduk.iĝis iom da poemoj de kelkaj nun.tempaj poetoj de Irano en Esper.anton. Ili aperis en inter.naciaj Esper.anto.magazinoj. Esper.eble future pli kaj pli da iran.anoj tradukos ĉef.verkojn de sia riĉa literaturo en la Internaian Lingvon Esper.anton.

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

akcepti قبول کردن akcept.iĝi قبول شدن mal.akcepti رد کردن

anemono شقایق anemon.ejo دشت شقایق، شقایق‌زار mar.anemono شقایق دریایی

aperturo روزنه apertura روزنه‌دار sen.apertura بی‌روزن
beletro ادبیات beletr.isto ادیب beletr.ist.iko علمِ ادبیات
branĉo شاخه branĉ.o.riĉa پُرشاخه branĉ.o.planti قلمه کاشتن
doni دادن el.doni منتشرکردن، توزیع کردن el.don.isto ناشر
eterna ابدی etern.igi جاودانه کردن etern.eco ابدیت
fakultato دانشکده fakultat.estro, dekano رییس دانشکده fakultat.ano عضو دانشکده (استاد یا دانشجو)
fontano فواره fontan.etoj فواره‌های کوچک fontan.ego فواره‌ی بزرگ
frida سرد frido سرما، برودت frid.ujo یخچال
ĝoja شاد(مان) kor.ĝoja دل‌خوش، دل‌شاد kor.ĝoj.ig.aĵoj دل‌خوشی‌ها
granato انار granat.arbo درخت انار granat.floro گُل انار
kolombo کبوتر kolomb.ido جوجه‌ی کبوتر kolomb.ino کبوتر ماده
kombi شانه کردن komb.ilo شانه mal.kombi آشفته کردن (مو)
koro قلب، دل kora قلبی el.kore از(تهِ)دل، از صمیمِ قلب
krevi ترکیدن krevo ترک krev.igi ترکاندن krev.ita ترکیده(شده)
licencio لیسانس، کارشناسی licenci.iĝi کارشناس شدن licenci.ulo کارشناس
literaturo نوشتجات ادبی literatur.historio تاریخ ادبیات bel.literatura, beletra ادبی
ludi بازی کردن lud.ema بازی‌گوش lud.anto بازی‌گر
lumo نور lum.igi روشن کردن lum.ig.ilo چراغ sun.lumo آفتاب، نور خورشید
majstro استاد majstre استادانه majstr.o.verko شاه‌کار
penseo بنفشه pense.ejo بنفشه‌زار pense.ido نهال بنفشه
planto گیاه planti کاشتن plant.ita کاشته شده plant.ado کاشت
poemo شعر poem.aro مجموعه‌ی شعر (دیوان) poem.libro کتاب شعر
poeto شاعر poet.ino شاعره poet.iko علمِ شاعری
poezio شعروشاعری، نظم (شعر) poezi.aĵo نوشته‌ی منظوم poezia منظوم
prozo نثر proz.aĵo نوشته‌ی منثور proz.isto نثرنویس proz.igi به‌نثر درآوردن
robaio, robajo رباعی robai.isto رباعی‌سرا (شاعر) robai.aro رباعیات (مجموعه‌ی)
severa عبوس، سخت‌گیر mal.severa ملایم، متساهل mal.sever(.ec)o ملایمت، تساهل
sonori صدای زنگ دادن sonor.ilo زنگ pord.sonor.ilo زنگ درب
spegulo آینه speguli منعکس کردن spegul.iĝi منعکس شدن

sufiĉa کافی، بس، مکفی، بسنده sufiĉe به‌اندازه‌ی کافی ne.sufiĉa ناکافی، کم
sukceso موفقیت sukcesi موفق شدن mal.sukcesi شکست خوردن
tempo زمان، وقت nun.tempa کنونی، معاصر sam.tempa هم‌عصر، معاصر هم‌زمان،
trista حزین، غمگین trist.igi غمگین ساختن trist(.ec)o حزن، اندوه
universitato دانشگاه universitat.estro رییس دانشگاه universitat.ano دانشگاهی (دانشجو یا استاد)

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Multaj homoj kredas ke verki riman poemon, estas pli malfacile ol verki …….. poemon, tamen ankaŭ la malo eblas veri.
2. Rimo kaj ritmo multe helpas al la ……….. de la klasika poemo.
3. En la nova poemo, la poeto devas prezenti belan poemon ……….. utiligado de rimo kaj ritmo.
4. Jam pasis pli ol ……….. ekde kiam Sohrab Sepehi eldonis sian unuan poemaron.

B- Respondu:

1. Kio estas la novpoemo?
2. Kio konsistigas la malnovan poemon forme?
3. Ĉu en la nova poemo ekzistas rimo?
4. Kiel la novaj poetoj beligas sian verkon sen la rimo?
5. Ĉu ĝis nun la poemoj de nuntempaj poetoj iranaj tradukiĝis en Esperanton?

C- Skribu:

1. Kion vi preferas: (senriman) novan aŭ (riman) malnovan poemon?
2. Trauku Esperanten persan poem(er)on, kiu plaĉas al vi.

Ĉ- Diskutu:

1. Kio estas pli malfacila: tradukado de rima aŭ senrima poemo?
2. Kio estas pli facile: traduki prozon aŭ poezion?
3. Imgu ĉiuj poemoj de la mondo tradukiĝis en Esperanton. Kiajn efikojn kaj rezultojn tio havas?
4. Kio povas malfaciligi la kompreniĝon de tradukita poemo por la ali-naciaj legantoj?

| درس بیست و نهم: خودروی برقی | |
|---|---|
| **29-a Leciono: C5 kaj Segway** | |
|  |  |
| C5 invent.ita jar.dekojn antaŭe, tamen ankoraŭ aspektas moderna[1] | |

Kvankam ĉiuj scias ke elektro kaj elektraj iloj kaj vetur.iloj ne poluci.igas la medion – almenaŭ ne tiom, kiom la petrolaj motoroj kaj vetur.iloj faras - tamen oni ne scias kial ankoraŭ furoras vetur.iloj, kies potenco.forto estas fosiliaj brul.aĵoj, kiuj ja estas unu el la plej poluci.igaj substancoj en la mondo.

Feliĉe jam ekzistas rimedoj por produkti elektron pere de tre diversaj fontoj, kiel riveroj, mar.ondoj, ventoj, kaj eĉ sun.lumo. Teorie la homo povas konstrui sen.nombrajn bar.aĵojn laŭ.longe de riveroj por est.igi elektron pere de generatoroj, aŭ ekspluati potencialan energion de la maroj, oceanoj, ventoj kaj la suno por hav.igi al si elektran potencon. Tiel eble ĉiuj vetur.iloj povos funkcii per elektro anstataŭ per fosiliaj brul.aĵoj, kaj sekve ni ĝuos multe pli puran aeron en niaj urboj, kaj ĝenerale sur la tera globo.

Planoj por elektraj vetur.iloj jam ne mal.multis. Ĉi tie ni traktas unu faman el ili, nom.ata C5. Ĝi eble estis turno.punkto en la industrio de elektraj vetur.iloj, ĉar unu.a.foje en la mondo, elektra vetur.ilo estis produkt.ata fabrike en komerca skalo. Certe nun, sekve de la teknologiaj progresoj, oni povas – kaj jam povis – desegni kaj fabriki multe pli bonajn kaj pli progres.intajn vetur.ilojn. Segway (elp. Segŭej), el.pens.ita de usona invent.isto Dean Kamen (elp. Din Kamen) estas klara ekzemplo ĉi.rilate: du.rada person.trans.port.ilo, kiu aŭtomate sin tenas vertikale pere de giroskopaj kaj premaj sens.iloj kaj sen ĉia mekanika pedalo aŭ konduk.ilo, povas ek.voji, halti kaj konduk.iĝi per etaj movoj aŭ premoj de la konduk.istaj korpo kaj membroj.[2]

---

[1] Fotoj de interreto.
[2] De interreto.

| | |
|---|---|
| Dean Kamen sur sia invent.ita vetur.ilo Segway | Segway estigas hom-skalan rapidon kaj medion |

Jen ni vidu kiel ret.paĝo[3] prezantas C5-on:

"Sinclair C5 (elp. Sinkler Si-fajv) unue estis lanĉ.ita en Brit.io la 10-an de januaro 1985. Kre.ita per la nov.en.konduk.isto kaj invent.isto kavaliro Clive Sinclair (elp. Klajv Sinkler), plej fama pro siaj ZX80 kaj ZX81 personaj komput.iloj de 1980, la C5 estis revolucia elektra vetur.ilo pez.anta nur 45kg (kun baterio). La vetur.ilo uzis 15kg-an plumbo.acidan baterion, kiu funkci.igis 250-vattan elektran motoron de Hoover (elp. Huver) kiu similas al tiuj trov.eblaj en lav.maŝinoj. Ĉar C5 estis kre.ita laŭ la 1983-a Regul.aro por Elektron.ike Help.ata Pedalo.Ciklo, ĉi tio dekretis ke la povo de vetur.ila motoro ne povis superi 250 vattojn. Tio donis al C5 maksimuman rapid.econ de 24 km en horo kun asert.ita 32 km per ĉiu baterio-ŝargo.

La vetur.ilo ankaŭ havis pedalojn por ekstra helpo supren al montetoj. La korpo de la C5 estis far.ita el mem.kolora mal.peza poli.propil.eno. La vetur.ilo estis 76cm larĝa, 76cm alta kaj 175cm longa. Ek.de la unua tago de lanĉo, Sinclair C5 estis celo de kontinuaj atakoj de la amas.komunik.iloj, kiuj kritikis ĝin por multaj kialoj kaj diris ke oni devus mal.permesi ĝin. La ĉefaj kialoj estis tio, ke pro ĝia mal.alta vid.ebl.eco sur la vojo, ĝi ne povus esti vid.ebla facile per aliaj vetur.antoj, ĉi tio ankaŭ mal.fermis la debaton pri tio ke C5-istoj estas ĉe la sama nivelo kiel el.las.tuboj de pli grandaj vetur.iloj kaj en.spiras ilian haladzon.

3 De interreto. (Kun danko al Roy Woodward por permesi al la TTT-ejo uzi ĉi tiujn fotojn de lia ret.ejo.)

Krom tio, ankaŭ la potenco de C5 estis kritik.ita ĉar estis deklar.ite, ke ofte dum sen.de.penda el.provo la vetur.ilo apenaŭ povis supr.e.n.iri mont.eton sen helpo de pedalo. Estis ankaŭ asert.ite ke la vetur.ilo nur iam povis iri proksimume 16 km per unu baterio.ŝargo kaj ne la 32 km specif.itan per Sinclair. En iuj kazoj ĉi tio estis redukt.ita al 9.6 – 11.8 km vintre ĉar la mal.varmo mal.pli.igis la baterian povon. Alt.vid.ebla masko estis hav.ebla por la C5 kiel laŭ.vola al.don.aĵo, kvankam multaj asertis ke ĝi devus esti norma. Malgraŭ la plej.multo de ĉi tiuj asertoj far.itaj de la amas.komunik.iloj kondamn.antaj la vetur.ilon, RoSPA[4] deklaris ke ili ŝatis C5-on kaj ke ĝi ne devus esti mal.permes.ita.

Kiel rezulto de ĉi tiuj problemoj Sinclair rapide ek.havis mal.bonan reputacion, kaj intereso en la vendoj mal.pli.iĝis. La vetur.ilo estis originale plan.ita kiel varo per-poŝte mend.ebla kaj ĝi estis ankaŭ vend.ata sur la ĉef.strataj elektr.ikaj vend.ejoj. Pro la manko de vendoj, prezoj falis al nur £199 de la antaŭa £399, cel.ante for.vendi stor.itojn. En la 15-a de oktobro 1985 kavaliro Clive Sinclair anoncis, ke Sinclair Vehicles (Sinkler Vetur.iloj) estis oficiale trans.don.ita al la manoj de la ricev.into antaŭ kvar tagoj kaj produkt.ado de C5 ĉesis. Poste Sinclair mal.kaŝis planojn ke eble ili modif.us aferojn por produkti C10 (du.sid.eja versio) kaj C15 (kvar.sid.eja versio)."

Esper.eble en proksima futuro, pli novaj vetur.iloj elektraj, kiel Segway, estos pli sukcesaj kaj bon.ven.ig.ataj ol C5.

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

aserti ادعا کردن، اظهار کردن aserto ادعا، اظهار asert.ita اظهار شده، ادعا شده

atako حمله ataki حمله کردن به atak.anto حمله کننده، مهاجم

bari سد کردن bar.ilo مانع bar.aĵo سد bar.ita سدشده bar.anta سدکننده

bruli سوختن brul.aĵo سوخت brul.igi سوزاندن brul.ita سوخته(شده)

debato بحث debati مورد بحث قرار دادن debat.anto بحث کننده

dekreto فرمان، دستور dekreti دستور دادن dekreta مربوط به فرمان

elektro برق elektra برقی elektre با برق elektristo متخصص یا تکنسین برق

fabriki ساختن در کارخانه fabrike در کارخانه fabriko کارخانه

[4] Royal Society for the Prevention of Accidents (Reĝa Societo por la Prevent.ado de Akcidentoj)

fosilio فسیل fosilia فسیلی fosili.iĝi فسیل شدن fosili.hava (لایه‌ی) دربردارنده‌ی فسیل
generatoro مولد برق، ژنراتور generatore با مولد generatora مربوط به مولد
giroskopo ژیروسکوپ giroskopa ژیروسکوپی giroskope با ژیروسکوپ
haladzo گاز سمی haladza (گاز) مسموم کننده haladz.iĝi مسموم شدن با گاز
halti توقف کردن hal.tejo ایستگاه bus.halt.ejo ایستگاه اتوبوس
kaŝi پنهان کردن kaŝ.iĝi پنهان شدن mal.kaŝi آشکار کردن kaŝ.ejo مخفی‌گاه
kavaliro سِر، شوالیه kavalir.eco مقام شوالیه‌ای kavalira مربوط به شوالیه
komerco تجارت komerca تجاری komerci تجارت کردن komerc.isto تاجر، بازرگان
kondamni محکوم کردن kondamn.anta محکوم کننده kondamn.ita محکوم(شده)
konduki هدایت کردن konduk.isto راننده konduk.ilo فرمان en.konduko مدخل، مقدمه
korpo بدن، بدنه korp.o.parto بخش بدن، عضو korpa جسمانی، تنی
kritiki انتقاد کردن kritik.anto انتقاد کننده ne.kritik.ebla غیر قابل انتقاد
lavi شستن lav.maŝino ماشین لباس‌شویی lav.ado شست و شو
maksimumo حداکثر (اسم) maksimuma حداکثر (صفت) maksimume حداکثر (قید)
membro عضو (بدن) membr.aro اعضا membr.iĝi عضو شدن membr.eco عضویت
mendi سفارش دادن mend.ebla قابل سفارش mend.ilo برگه‌ی سفارش
modifi جرح و تعدیل کردن، تغییر دادن modif.ita تغییر داده شده modif.anto تغییر دهنده
monto کوه mont.eto تپه mont.aro کوهستان mont.o.ĉeno رشته‌کوه، سلسله‌جبال
motoro موتور dizel.motoro موتور دیزل motor.izi موتوریزه کردن
ondo موج mar.ondo موج دریا ond.o.longo طول موج ond.anta مواج
pedalo رکاب، پدال pedali پا زدن، رکاب زدن gas.pedalo پدال گاز
peza سنگین mal.peza سبُک pezi سنگین بودن pez.eta کمی سنگین
plumbo سُرب plumba سربی plumb.o.acida سربی–اسیدی
porti حمل کردن trans.porti انتقال دادن trans.port.ilo وسیله‌ی نقلیه
premo فشار premi فشار دادن rul.prem.ilo غلطک sub.premi تحت فشار قراردادن
regulo قاعده regul.aro قواعد regula با قاعده regule به‌طور مرتب
reputacio وجهه، آبرو bon.reputacia خوش‌وجهه mal.bon.reputacia بدوجهه
ŝargi شارژ کردن ŝargo شارژ ŝarg.iĝi شارژ شدن mal.ŝarg.iĝi دِشارژ شدن، خالی شدن
sensi حس کردن sens.ilo حس‌گر sens.ebla محسوس sens.iva حساس senso حس
teni نگه داشتن ten.ilo دسته ten.ejo محل نگه‌داری ten.ujo مخزن، ظرف نگه‌داری

turni چرخاندن turn.o.punkto نقطه‌عطف، چرخش turn.iĝi چرخیدن
vojo راه voji راه رفتن ek.voji به راه افتادن sur.voje سرِ راه، در راه، در مسیر du.on.voje در نیمه‌ی راه

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. Teorie la homo povas produkti ............ pere de tre diversaj energifontoj.
2. Fosiliaj brulaĵoj multe pli ………….. la medion ol la elektro.
3. Kelkaj rimedoj por estigi elektron estas ventoj, ……….., …………. kaj ………… .
4. Segway estas …………. persontransportilo, kiun inventis …………. el …………. .
5. C5 estis ………………. en la industrio de elektraj veturiloj

B- Respondu:

1. Kiel oni povas produkti elektron?
2. Kio estas diferenco inter elektro kaj fosiliaj brulaĵoj?
3. Kial C5 povas imagiĝi kiel turnopunkto en la industrio de elektraj veturiloj?
4. Kio estas nova rilate al Segway?
5. Kiu estas inventinto de C5, kaj kio estis liaj pli antaŭaj inventoj?

C- Skribu:

1. Priskribu veturilon C5.
2. Priskribu veturilon Segway.
3. Priskribu vian idealan verurilon.

Ĉ- Diskutu:

1. Kial ankoraŭ ne furoras elektraj veturiloj, sed petrolaj?
2. Kiu estas pli utila: C5 aŭ Segway? Kie? Por kio?
3. Kiel ni povas helpi al ekuzado de elektraj veturiloj kiel C5 kaj Segway?

## درس سی‌ام: بدن انسان

## 30-a Leciono: La Homa Korpo







M.C. Escher (1898-1972), elp. Eŝer, nederlanda ilustr.isto kaj majstro pri Op Arto (Optika Arto), diris: “Por esti paca kun tiu ĉi stranga vivo; por akcepti tion, kion ni ne komprenas; por atendi kviete tion, kio pri.atendas nin, vi devas esti pli saĝa ol mi estas.”[1]

La homa korpo ebl.ege estas la plej evolu.inta biolog.ia korpo en la naturo. Tion pleje pruvas la homa kapalo voj.iri nur per du piedoj sen helpo de la manoj. Ankaŭ la homaj manoj estas tre fleks.eblaj kaj povas fari tre diversajn kaj mult.nombrajn poziciojn por plen.um.ado de variaj taskoj. Ĉi.rilate situ.iĝo de la dik.fingro kontraŭ la aliaj fingroj helpis multe, kaj diferenc.igas la homan man.formon dis.de la manoj de simioj.

Tamen en la homa korpo sen.dube la cerbo estas la plej kompleksa kaj evolu.inta parto. Ĝi funkcias ege rapide kaj vere vaste. Por percepti tion, nuntempe oni komparas la rapidon de daten.proceso de la cerbo kun tiu de la plej novaj komput.iloj. Ekz-e en plej multaj ŝak.ludoj okaz.intaj inter la homo kaj komput.ilo, la homo mat.igis la komput.ilon. Krome, multaj kredas ke eĉ la plej kleraj homoj, kiel famaj scienc.istoj kaj filozofoj ne util.igas la tutan kapablon de sia cerbo, sed nur etan onon de ĝi.

---

[1] Fotoj kaj citaĵo el interreto.

Multaj scienc.uloj pri la cerbo kaj ties trejn.ado kredas ke ju pli vaste oni util.igas la cerbon, des pli multe ĝi potenc.iĝas kaj kapabl.iĝas. Tial multaj rekomendas ke:

1. Ne tro utiligu viajn kalkul.ilojn, komput.ilojn aŭ not.librojn, sed provu pli labor.igi vian kapon por diversaj taskoj. Tiaj ekzercoj bone trejnas la cerbon.
2. Havu inter.agon, aŭ inter.rilaton parolan kun tiom multe da diversaj personoj, kiom eblas al vi. En inter.parolo la cerbo ne nur okup.iĝas pri aŭd.it.aĵoj kaj dir.ot.aĵoj, sed ankaŭ – konscie aŭ ne konscie – unu.flanke interpretas ĉiajn mov.iĝ.etojn de la mieno kaj korpo de la al.parol.ato, kaj ali.flanke est.igas diversajn pozojn kaj poziciojn en la mieno kaj la korpo de la parol.anto.
3. Plen.umu fizikajn movojn komplikajn rapide, ekz-e ludu volan.ludon (badmintonon) aŭ tablo.tenison (pingpongon). Tiaj rapidaj mov.iĝoj vere labor.igas kaj rapid.igas la cerbon.
4. Kreu ion. Kion ajn. En ĉia kre.ado, io, kio ĝis nun ne ekzistis, ek.est.iĝas nur dank' al via imag.povo, kio estas unu el la plej evolu.intaj ecoj de la homa cerbo. Pentr.ado, desegn.ado, verk.ado, skulpt.ado, … ĉiuj estas bonaj rimedoj por ekzerc.igi vian imag.ivon kaj kre.povon.
5. Provu havi laboron, kiu ne estas nura ripet.ado de sama afero. Eĉ se via laboro konsistas el ripet.ado de la sama(j) ago(j), klopodu plenumi vian laboron ĉiu.foje aliel, ĉiam pens.ante trovi pli bonan vojon por plen.um.ado de la tasko; tiel, vi ankaŭ pli.bon.igos la finan rezulton iom.post.iome.
6. Por plen.um.ado de ĉiu.tag.aĵoj util.igu kiom eble, plej multajn/diversajn korpo.partojn. Ekzemple por skrib.ado, provu skribi per ambaŭ manoj alterne; aŭ ĉe dento.bros.ado, ĉiu.foje klopodu util.igi ambaŭ manojn. Tiel pli da cerb.eroj funkci.iĝas.

La evolu.ado de la homa cerbo multe helpis ankaŭ al la progres.ig.ado de la homa lingvo, tiel ke nun la plej komplika kaj preciza lingvo inter ĉiuj animaloj apartenas al la homoj. Samal multaj pas.intaj scienc.uloj disting.igis la homon dis.de aliaj est.aĵoj per la homa parol.kapablo, ekzemple Moŭlana Rumi (1207-1273 p.K.) al.parolis la homon tiel ĉi:

*Ej nateqe byr bamo dyr, ta kej ryvi? Dyr ĥane pyr*
*Notqe zyban ra tyrk kon, biĉane ŝo, biĉane ŝo!*
**Ho parol.ulo! Ĉes.igu iri al pord' kaj tegment', flugu hejme!**
**Jam for.lasu vi, parolon per.langan, sen.buŝ.iĝu sen.buŝ.iĝu!**

## Novaj vortoj kaj kun.metoj کلمه‌ها و ترکیب‌های تازه

alterne به‌طور متناوب alterna متناوب alterni تناوب داشتن altern.ado تناوب
aparteni تعلق داشتن aparten.aĵoj متعلقات aparten(.ad)o تعلق
atendi انتظار کشیدن atend.anta منتظر ne.atend.ita غیرمنتظره
buŝo دهان sen.buŝa بی‌دهان sen.buŝ.iĝi بی‌دهان شدن buŝa شفاهی، دهانی
cerbo مغز، مخ cerb.umi به مغز فشار آوردن cerba مغزی، مربوط به مغز
dateno داده daten.bazo پایگاه داده‌ها daten.proceso داده‌پردازی
dento دندان dent.o.broso مسواک dent.o.fadeno نخِ دندان
desegni طراحی کردن desegn.ado طراحی desegn.isto طراح
distingi تشخیص دادن، تمیز دادن disting.igi متمایز ساختن distinga مشخص، متمایز
evolui توسعه یافتن evolu.inta توسعه یافته evolu.anta درحالِ توسعه
ilustri مصور کردن ilustr.isto تصویرگر ilustr.aĵo تصویر ilustr.ita مصور(شده)
imagi تصور کردن imag.ivo, imag.povo قدرت تصور ne.imag.ebla غیرقابل تصور
interpreti تفسیر کردن interpreto تفسیر mis.interpreti اشتباه تفسیر کردن
kalkuli حساب کردن kalkul.ilo ماشین حساب kalkul.ita حساب شده
kapabla قادر، توانا kapablo توانایی kapabl.igi قادرساختن kapabli قادر بودن به
klera روشن‌بین، دانا mal.klera نادان kler.ulo (شخص) روشن‌بین
kompari مقایسه کردن komparo مقایسه kompar.ebla قابل قیاس
komputi محاسبه کردن komput.ilo کامپیوتر، رایانه komput.ado محاسبات، پردازش
korpo بدن korp.o.parto قسمتِ بدن، عضو بدن korpa بدنی، تنی
kredi باور کردن، ایمان داشتن به kred.anto معتقد، مومن ne.kred.ebla غیرقابل باور
krei آفریدن kre.ado آفرینش kre.anto آفریننده kre.ita خلق شده
kvieta آرام، بی‌سروصدا kviete به‌آرامی kviet.igi آرام ساختن kviet(.ec)o آرامش
lango زبان (عضو بدن) akr.a.langa تُند زبان، دارای زبان بُرنده fals.langa دروغ‌گو
mato مات (در شطرنج) mati مات بودن mat.igi مات کردن mat.iĝi مات شدن
mieno قیافه، چهره mien.leg.anto چهره‌خوان mieni به‌نظر رسیدن
paroli صحبت کردن al.parolo خطاب parol.kapablo توانایی حرف زدن
pentri نقاشی کردن pentr.ado نقاشی pentr.isto نقاش
plena پُر، کامل plen.umi انجام دادن plen.igi پُر کردن، کامل کردن
preciza دقیق preciz.igi تدقیق کردن preciz(.ec)o دقت

rekomendo توصیه rekomend.anto توصیه کننده rekomend.ita توصیه شده
ripeti تکرار کردن ripet.ado تکرار ripeta تکراری ripet.ita تکرارشده
saĝa عاقل، خردمند saĝ.ulo شخص عاقل mal.saĝa ابله، نادان
ŝako شطرنج ŝaki کیش بودن ŝak.igi کیش دادن ŝak.iĝi کیش شدن
scienco علم، دانش scienc.isto دانشمند scienc.ulo عالم scienc.fikcia علمی‌تخیلی
simio میمون simii تقلید کردن simi.eska میمون‌مانند
skulpti پیکرتراشی کردن skulpt.ado پیکر تراشی skulpt.arto هنر پیکرتراشی
stranga عجیب(و غریب) strang.aĵo چیز عجیب strang.ulo شخص عجیب
tegmento بام، سقف sub.tegmento اطاق زیرشیروانی tegmenti مسقف کردن
teniso تِنیس tabl.o.teniso تنیس روی میز، پینگ پُنگ tenis.ejo زمینِ تنیس
utila سودمند، مفید util.igi بهره بردن sen.utila بدون فایده utiloj فواید

Ekzercoj

A- Plenigu:

1. La homa ……… estas tre fleksia.
2. La homa ………. estas la plej kompleksa estaĵo sur la tero.
3. La homa ………. distingigas lin de aliaj animaloj.
4. Ju pli vaste oni laborigas sian cerbon, des pli ĝi …………. .

B- Respondu:

1. Kio estas la plej evoluinta biologia mekanismo en la naturo? Kial?
2. Kio distingigas la homan manon disde la manoj de aliaj animaloj?
3. Ĉu la homa mano estas la plej kompleksa kaj evoluinta korpoparto?
4. Kiel la homoj distingiĝis per pasintaj scienculoj?
5. Kiel Moŭlana alparolas la homon, kiam volas gravigi pri la parolkapablo?
6. Ĝis nun kiu pli matigis la alian: ĉu la homo, aŭ la komputilo? Kial?
7. Ĉu la plej kleraj sciencistoj utiligas la tutan kapablon de sia cerbo?
8. Se ni pli multe laborigas nian cerbon, ĉu ĝi pli frue malfortiĝas?

C- Skribu:

1. Kiel ni povas trejni nian cerbon por plipotencigi ĝin?
2. Komparu homan cerbon kun la komputilo.

Ĉ- Diskutu:

1. Kio estas pli grava en nia mondo: homa korpo aŭ homa cerbo?
2. Komparu robotojn kun la homa korpo.
3. Ĉu dum la venontaj jarcentoj, nia korpo pli potenciĝos, aŭ nia cerbo?

| درس سی و یکم: محیط طبیعی اطراف ما | |
|---|---|
| **31-a Leciono: Nia Natura Medio** | |
| | |
| Unu arbo dum 50 jaroj produktas po $31,250 da oksigeno, po $62,000 da aer-polucia kontrolo, kaj re.trov.igas po $37,500 da akvo.[1] | |

En multaj kulturoj kaj lingvoj oni nomas la naturon "la patr.ino naturo". Ĉiuj viv.ant(aĵ)oj ŝuldas sian ek.est.iĝon, kreskon kaj vivon al la naturo. En la moderna mondo, la homoj pli kaj pli for.iĝis de la naturo, viv.ante en industriaj kaj ali.specaj urboj. Tamen en la lastaj jar.dekoj oni konvink.iĝis pri mal.utilaj rezultoj de tia viv.ado for de la naturo en la poluci.itaj urboj. Oni komencis por.naturajn mov.adojn kaj trans.igis poluci.fontojn – ĉefe la fabrikojn – el la urbo(centro)j. La urboj far.iĝis pli kaj pli verdaj. En multaj urb(eg)oj oni mal.permesis trafikon de la aŭtoj en la plej densajn partojn de la urboj.

Nun plej multaj homoj, sopir.ante la naturon, deziras pas.igi sian ferian tempon en parkoj kaj ekster.urbaj kamp.aroj. La loĝ.ado en urb.egoj jam ne estas plaĉa por multaj, kiuj mal.ŝatas poluciojn aerajn, akvajn, sonajn, ktp.

La naturo estas unu ne.dis.er.ig.ebla tut.aĵo. Tial oni devas konsideri ĝin kiel integran sistemon. Laŭ la Teorio de Sistemoj, ĉiuj grandaj kaj mal.grandaj sistemoj kaj (sub)sistem.eroj inter.agas unu kun la alia kaj forte de.pendas unu de la alia. Do ankaŭ ĉiuj eroj de la naturo inter.de.pendas kaj inter.agas. Ĉia granda aŭ eĉ mal.granda ŝanĝo en unu natur.ero povas efiki aliajn natur.aĵojn. Laŭ unu dis.divid.maniero la naturon ĉefe konsist.igas:

1. La fizikaj elementoj, kiel la tero, montoj, aero, akvo ktp.
2. La vivantaj estaĵoj, kion konsistigas la homo kaj la bestoj de plej grandaj kiel balenoj kaj elefantoj ĝis mikroskopaj viv.formoj.
3. La plantoj, kiel arboj, herboj, fungoj ktp.

[1] Fakto de interreto, fotoj de Kiŝ.insulo far Niku Mamduhi.

